# Heleco




**Pres-organo de:**
**Astura Esperanto-Asocio**



Numero 75 | Decembro 1999

Adreso de A.E.A.
Strato Begoña, 25
33206 - GIJON
Telefon-numero: 5 34 19 18

Dirección de A.E.A.
Calle Begoña, 25
33206 - GIJON
Teléfono: 5 34 19 18

| Enhavo | Paĝo | Contenido |
|---|---|---|


La enhavo de la tekstoj de ĉi tiu revuo ne esprimas la oficialan opinion de A.E.A. Pri ili respondecas la verkintoj mem.

El contenido de los textos de esta revista no expresa la opinón oficial de A.E.A. De ellos responden sus autores.

Leĝa Registro, n-ro 0/319/85

Depósito Legal, número 0/319/85

# La problemo de HELECO

Jes, la numeroj de nia revuo preskaŭ ĉiam estis eldonitaj malfrue, foje eĉ tre malfrue. Sed ĉi-foje ni vere troigis. La antaŭa numero de HELECO aperis jam... antaŭ kelkaj jaroj! Ŝajnas ke ni pretersuperis ĉiun ajn rekordon je malfruiĝo. Tial, ni pensas, ni ŝuldas ian eksplikon al niaj legantoj. Eble iuj pensis ke nia E-Grupo disfalis kaj malaperis, kio, ja, tute ne estas stranga okazaĵo en la Esperantista movado.

Sed ne estis tia nia kazo. **Astura Esperanto Asocio** daŭre pluekzistis kaj normale rolis en sia aktivado favore al la disvastigo de la Internacia Lingvo. Ni organizis E-kursojn kaj partoprenis en aliaj aranĝoj, kiel la **Festo de la Lingvoj**, pri kiu ni informas en ĉi tiu revuo. Nur la eldonado de nia presorgano, la revuo HELECO, ne estis "en ordo". La kialo estis ke, iamaniere, estis problemoj en la farado de la revuo. Publikigeblaj kaj publikigindaj materialoj ne mankis; tiu, ja, ne estis la problemo. Ankaŭ ne mankis al ni personoj pretaj okupiĝi pri tiu ĉi tasko de eldonado de la revuo, nek teknikaj iloj por la preparado de la revuaj folioj: pluraj estraranoj de nia E-Grupo posedas komputerojn taŭgajn por la preparado de la foliaj kliŝoj.

La problemo estis, kaj daŭre estas, precize, la definitiva amas-presado de la folioj. Ni ne disponas je propra konvena fotokopiilo. Mendi la fotokopiadon aŭ presadon al presejoj rezultas tro multekosta por la budĝeto de nia E-rondo. Tiurilate, ĝis nun ni ĝuis la helpon de la institucio (Katedro «Jovellanos") en kiu enkadriĝas nia Asocio, sed malfeliĉe la fotokopiilo de tiu centro ne estas sufiĉe bonkvalita por tiu laboraĵo, kaj foje la rezulto ne estas bona. Konkrete, la fotokopiado de la antaŭa numero de nia revuo estis vera fuŝaĵo.

De tiam ni intencis akiri nian propran kopiadmaŝinon kaj tiucele ni klopodis atingi ian subvencion. Sed tute restis vanaj niaj demarŝoj. En la Gijona urbodomo oni informis al ni afable ke ne estas subvencioj por tiaj aĵoj. Strange, en nia urbo multaj ĉiutipaj asocioj, eĉ la sporto-kluboj, ricevas monhelpon el tiu urba institucio, sed tamen kultura asocio de ĝenerala intereso kia Esperanto-Grupo ne sukcesis atingi subvencion por akiri iun necesan ilon. Ĉi tiu detalo iamaniere atestas pri la naturo de la socio en kiu ni vivas kaj devas peni por nia celo.

# La problemo de HELECO

Sí, los números de nuestra revista casi siempre aparecen con retraso, a veces con demasiado retraso. Pero esta vez nos pasamos de verdad. El número anterior de HELECO apareció ya... ¡hace varios años! Parece que batimos todos los records de retraso. Por eso pensamos que debemos dar alguna explicación a nuestros lectores. Quizá algunos llegaron a pensar que nuestro grupo esperantista decayó y desapareció, lo que, por otra parte, no es nada raro que ocurra en el movimiento Esperantista.

Pero no fue tal nuestro caso. La **Asociación Asturiana de Esperanto** siguió existiendo y funcionando normalmente en su actividad por la difusión de la Lengua Internacional. Organizamos cursos de Esperanto y tomamos parte en otras actividades, como la **Fiesta de las Lenguas**, de la que informamos en esta revista. Sólo la edición de nuestro órgano de prensa, la revista HELECO, no estuvo "en orden". El motivo fue que, de alguna manera, hubo problemas en la elaboración de la revista. Materiales adecuados y dignos de publicación no faltaron; ese no fue ciertamente el problema. Tampoco carecimos de personas dispuestas a ocuparse de esta tarea de edición de la revista, ni de instrumentos técnicos para la preparación de las hojas de la revista: varios miembros de la directiva del Grupo de Esperanto disponen de ordenadores apropiados para la preparación de los clichés u hojas originales.

El problema fue, y sigue siendo, precisamente, la impresión final de las páginas. No disponemos de una fotocopiadora propia adecuada. Encargar el trabajo a una imprenta resulta demasiado caro para el presupuesto de nuestra asociación. Para esa función, hasta la fecha disfrutamos de la ayuda de la institución (Cátedra «Jovellanos") en la que se encuadra nuestra Asociación, pero lamentablemente la fotocopiadora de ese centro no es apropiada para ese trabajo, y a veces el resultado ne es de la necesaria calidad. Concretamente, la impresión del número anterior de la revista fue un verdadero desastre.

Desde entonces intentamos adquirir nuestra propia fotocopiadora y a ese fin intentamos conseguir alguna subvención. Pero fueron totalmente vanas nuestras gestiones. En el Ayuntamiento de Gijón se nos informó muy afablemente que no hay subvenciones para ese tipo de cosas. Paradógicamente, en nuestra ciudad muchas asociaciones de todo tipo, incluso deportivas, reciben tales ayudas de esa institución municipal, pero sin embargo una asociación cultural de interés general como un Grupo Esperantista no consiguió una subvención por adquirir un instrumento que necesita. Este detalle atestigua de algún modo acerca de la naturaleza de la sociedad en la que nos toca vivir y penar por nuestro objetivo.

# Manifesto de Prago

## de la movado por la internacia lingvo **Esperanto**

*Elaborita kaj aprobita en la 81a Universala Kongreso de **Esperanto** - 1996 en Prago.*

Ni, anoj de la tutmonda movado por la progresigo de Esperanto, ***direktas*** ĉi tiun manifeston al ĉiuj registaroj, internaciaj organizaĵoj, kaj homoj de bona volo, ***deklaras*** nian intencon firmvole plu labori por la celoj ĉi tie esprimitaj, kaj ***invitas*** ĉiun unuopan organizaĵon kaj homon aliĝi al nia strebado.

Lanĉita en 1887 kiel projekto de helplingvo por internacia komunikado, kaj rapide evoluinta en vivoplenan, nuancoriĉan lingvon, Esperanto jam de pli ol jarcento funkcias por kunligi homojn trans lingvaj kaj kulturaj baroj. Intertempe la celoj de ĝiaj parolantoj ne perdis gravecon kaj aktualecon. Nek la tutmonda uzado de kelkaj naciaj lingvoj, nek progresoj en la komunikadtekniko, nek la malkovro de novaj metodoj de lingvo-instruado verŝajne realigos jenajn principojn, kiujn ni konsideras esencaj por justa kaj efika lingva ordo.

1. **Demokratio**. Komunika sistemo kiu tutvive privilegias **iujn** homojn sed postulas de aliaj ke ili investu jarojn da penoj por atingi malpli altan gradon de kapablo, estas fundamente maldemokratia. Kvankam, kiel ĉiu lingvo, Esperanto ne estas perfekta, ĝi ege superas ĉiun rivalon en la sfero de egaleca tutmonda komunikado.

*Ni asertas ke lingva malegaleco sekvigas komunikan malegalecon je ĉiuj niveloj, inkluzive de la internacia nivelo. Ni estas movado por demokratia komunikado.*

2. **Transnacia edukado.** Ĉiu etna lingvo estas ligita al difinita kulturo kaj naci(ar)o. Ekzemple, la lernejano kiu stu-

# Manifiesto de Praga

## del movimiento por la lengua internacional **Esperanto**

*Elaborado y aprobado en el 81 Kongreso Universal de **Esperanto** - 1996, en Praga.*

Nosotros, participantes en el movimiento mundial para el progreso del Esperanto, **dirigimos** este Manifiesto a todos los gobiernos, organizaciones internacionales y hombres de buena voluntad, **declaramos** nuestra firme intención de continuar trabajando hacia los objetivos aquí expresados, e **invitamos** a todas las organizaciones e individuos a adherirse a nuestra lucha.

Propuesto en 1887, como proyecto de lengua auxiliar para la comunicación internacional, y evolucionando rápidamente como una lengua llena de vida y de matices expresivos, el Esperanto desde hace ya más de un siglo, funciona para unir a los seres humanos más allá de las barreras lingüísticas y culturales. Entre tanto, los objetivos de sus cultivadores no han perdido ni importancia ni actualidad. Ni el uso internacional de algunas lenguas nacionales, ni los progresos en la tecnología de la comunicación, ni el descubrimiento de nuevos métodos de instrucción lingüística, aparentemente harán realidad los siguientes principios que consideramos esenciales para un ordenamiento lingüístico justo y eficaz.

1. **Democracia.** El sistema de comunicación, que favorece para toda la vida a ciertos seres humanos, pero exige de otros que inviertan años de esfuerzo para alcanzar menor grado de capacidad, es fundamentalmente antidemocrático. Aunque, como cualquier lengua, el Esperanto no es perfecto, supera grandemente a todos sus competidores en el campo de la comunicación mundial.

**Nosotros afirmamos que a la desigualdad lingüística la sigue la desigualdad en comunicación a todos los niveles, incluido el internacional. Nosotros formamos un movimiento en favor de la comunicación democrática.**

2. **Educación sin fronteras.** Toda lengua étnica está ligada a una cultura definida y a una

das la anglan lernas pri la kulturo, geografio kaj politiko de la anglalingvaj landoj, precipe Usono kaj Britio. La lernejano kiu studas Esperanton lernas pri mondo sen limoj, en kiu ĉiu lando prezentiĝas kiel hejmo.

*Ni asertas ke la edukado per iu ajn etna lingvo estas ligita al difinita perspektivo pri la mondo. Ni estas movado por transnacia edukado.*

3. **Pedagogia efikeco.** Nur malgranda procentaĵo el tiuj kiuj studas fremdan lingvon, ekmastras ĝin. Plena posedo de Esperanto eblas eĉ per memstudado. Diversaj studoj raportis propedeŭtikajn efikojn al la lernado de aliaj lingvoj. Oni ankaŭ rekomendas Esperanton kiel kernan eron en kursoj por la lingva konsciigo de lernantoj.

*Ni asertas ke la malfacileco de la etnaj lingvoj ĉiam prezentos obstaklon por multaj lernantoj, kiuj tamen profitus el la scio de dua lingvo. Ni estas movado por efika lingvoinstruado.*

4. **Plurlingveco.** La Esperanto-komunumo estas unu, el malmultaj mondskalaj lingvokomunumoj kies parolantoj estas senescepte du- aŭ plurlingvaj. Ĉiu komunumano akceptis la taskon lerni almenaŭ unu fremdan lingvon ĝis parola grado. Multokaze tio kondukas al la scio de kaj amo al pluraj lingvoj kaj ĝenerale al pli vasta persona horizonto.

*Ni asertas ke la anoj de ĉiuj lingvoj, grandaj kaj malgrandaj, devus disponi pri reala ŝanco por alproprigi duan lingvon ĝis alta komunika nivelo. Ni estas movado por la provizo de tiu ŝanco.*

5. **Lingvaj rajtoj.** La malegala disdivido de potenco inter la lingvoj estas recepto por konstanta lingva malsekureco, aŭ rekta lingva subpremado, ĉe granda parto de la

nación o grupo de naciones. Por ejemplo, el estudiante de inglés, aprende acerca de la cultura, la geografía y la política de los países de habla inglesa, principalmente de los Estados Unidos y de la Gran Bretaña. El estudiante que se dedica al Esperanto aprende acerca de un mundo sin fronteras, en el que cada país se presenta como el suyo propio.

**Nosotros afirmamos que la educación, mediante cualquier lengua nacional, está ligada a una perspectiva definida del mundo. Nosotros somos un movimiento en favor de una educación sin fronteras.**

3. **Eficacia pedagógica.** Sólo un pequeño porcentaje de los que estudian una lengua extranjera llegan a dominarla. En cambio, es posible poseer plenamente el Esperanto aún por autoinstrucción. Mediante diversos estudios se ha demostrado la eficacia del Esperanto para aprender otras lenguas. También se recomienda el Esperanto como parte esencial en cursos para la sensibilización lingüística de los estudiantes.

**Nosotros afirmamos que la dificultad de las lenguas nacionales siempre será un obstáculo para muchos estudiantes, los que, no obstante, se beneficiarían del conocimiento de una segunda lengua. Nosotros somos un movimiento en favor de la enseñanza eficaz de las lenguas.**

4. **Diversidad lingüística.** La comunidad esperantista es una de las pocas cuyos hablantes poseen sin excepción dos o más lenguas. Cada miembro de la comunidad aceptó la tarea de aprender por lo menos una lengua extranjera a nivel oral. En muchas ocasiones esto lleva al conocimiento y al amor hacia varias lenguas, así como a un horizonte personal más amplio.

**Nosotros afirmamos que los hablantes de cualquier lengua, no importa cual sea su grado de difusión, deberían tener la oportunidad real de aprender una segunda lengua hasta un alto nivel de comunicación. Nosotros somos un movimiento para favorecer dicha posibilidad.**

5. **Derechos de las lenguas.** La desigual división de poder entre las lenguas, es una re-

monda loĝantaro. En la Esperanto-komunumo, la anoj de lingvoj grandaj kaj malgrandaj, oficialaj kaj neoficialaj, kunvenas sur neŭtrala tereno, dank' al la reciproka volo kompromisi. Tia ekvilibro inter lingvaj rajtoj kaj respondecoj liveras precedencon por evoluigi kaj pritaksi aliajn solvojn al la lingva malegaleco kaj lingvaj konfliktoj.

*Ni asertas ke la vastaj potencodiferencoj inter la lingvoj subfosas la garantiojn, esprimitajn en tiom da internaciaj dokumentoj, de egaleca traktado sendistinge pri la lingvo. Ni estas movado por lingvaj rajtoj.*

6. **Lingva diverseco.** La naciaj registaroj emas konsideri la grandan diversecon de lingvoj en la mondo kiel baron al komunikado kaj evoluigo. Por la Esperanto-komunumo, tamen, la lingva diverseco estas konstanta kaj nemalhavebla fonto de riĉeco. Sekve, ĉiu lingvo, kiel ĉiu vivaĵospecio, estas valora jam pro si mem kaj inda je protektado kaj subtenado.

*Ni asertas ke la politiko de komunikado kaj evoluigo, se ĝi ne estas bazita sur respekto al kaj subteno de ĉiuj lingvoj, komdamnas al formorto la plimulton de la lingvoj de la mondo. Ni estas movado por lingva diverseco.*

7. **Homa emancipiĝo.** Ĉiu lingvo liberigas kaj malliberigas siajn anojn, donante al ili la povon komuniki inter si, barante la komunikadon kun aliaj. Planita kiel universala komunikilo, Esperanto estas unu el la grandaj funkciantaj projektoj de la homa emancipiĝo - projekto por ebligi al ĉiu homo partopreni kiel individuo en la homara komunumo, kun firmaj radikoj ĉe sia loka kultura kaj lingva identeco, sed ne limigite de ili.

*Ni asertas ke la ekskluziva uzado de naciaj lingvoj neeviteble starigas barojn al la liberecoj de sinesprimado, komunikado kaj asociiĝo. Ni estas movado por la homa emancipiĝo.*

ceta para la constante inseguridad lingüística o de directa supresión lingüística para gran parte de la población mundial. En la comunidad esperantista los hablantes de lenguas, mucho o poco difundidas, oficiales y no oficiales, se reúnen en un terreno neutral gracias a una voluntad de compromiso recíproco. Tal equilibrio entre los derechos y responsabilidades de las lenguas permite la evolución y la valoración de otras soluciones para la desigualdad lingüística y para los conflictos originados entre lenguas.

**Nosotros afirmamos que las grandes diferencias de poder entre las lenguas sepultan las garantías, expresadas en tantos documentos internacionales, sobre el trato igualitario e indiscriminado para las lenguas. Nosotros somos un movimiento por los derechos de las lenguas.**

6. **Diversidad lingüística.** Los gobiernos nacionales tienden a considerar la gran diversidad lingüística como barrera para la comunicación. Sin embargo, para la comunidad esperantista, la diversidad lingüística es una fuente constante de riqueza. Por consiguiente, la lengua como todo ser vivo, es valiosa por sí misma y digna de protección.

**Nosotros afirmamos que la política de comunicación si no se fundamenta en el respeto y en el apoyo a todas las lenguas, condena a la extinción a la mayoría de las lenguas del mundo. Nuestro movimiento está por la diversidad lingüística.**

7. **Emancipación de los seres humanos.** Toda lengua libera y esclaviza a sus usuarios al darles el poder para comunicarse entre si y bloquear la comunicación con otros. El Esperanto, concebido como medio de comunicación internacional es uno de los grandes proyectos en pro de la emancipación humana que permite a cada individuo participar como tal en la sociedad humana, con raíces firmes en su propia cultura y su identidad lingüística, pero no limitado por ellas.

**Nosotros afirmamos que la utilización exclusiva de lenguas nacionales pone barreras a las libertades de expresión, comunicación y asociación. Nosotros somos un movimiento en pro de la emancipación humana.**



## PREĜO DE LA ARBO

*Vi, kiu levas kontraŭ mi vian armitan brakon, antaŭ ol damaĝi min MEDITU!*

*Dio helpas min kreski sen ĝeni al vi.*

*Mi estas la amika ombro, kiu ŝirmas al vi de la suno.*

*Miaj floroj kaj fruktoj utilas por via amuzo.*

*La arbaro, kie mi loĝas estas fonto de sano, plezuro kaj beleco.*

*Kiam vi vendas mian lignon, vi solvas viajn monajn malfacilajojn.*

*Mi estas la ŝparmonujo por viaj ŝparoj.*

*Miaj folioj donas nutrajojn por via brutaro kaj sterkon por via kamparo.*

*Kiam vi branĉtondos min, ne kripligu min, faru ĝin delikate kaj saĝe, ne ambiciu nur mian lignon.*

*La papero de via jurnalo kaj eble viaj vestajoj estas faritaj el la arbo.*

*Mi estas la trabo kiu subtenas la tegmenton de via domo; la tabuloj de via tablo kaj la lito kie vi ripozas.*

*Kiam vi mortos, en formo de ĉerko, vi daŭrigos bezonante min.*

*Mi estas la tenilo de viaj laboriloj, pere de miaj branĉoj vi ekbruligas vian fajrujon kaj vi bakas la panon.*

*Hororas min la fajro!, mi estas via plej fidela kaj bona amiko, se vi amas min, kiel mi meritas,*

*DEFENDU MIN!*

*Aŭtoro:*
*D-ro Avelino González Fernández*

## PLEGARIA DEL ÁRBOL

*Tú, que levantas contra mi tu brazo armado, antes de hacerme mal ¡Reflexiona!*

*Dios me ayuda a crecer sin molestarte.*

*Soy la sombra amiga que te proteje del sol.*

*Mis flores y frutos sirven para tu recreo.*

*El bosque en que vivo es fuente de salud, deleite y belleza.*

*Cuando vendes mi madera, remedias apuros.*

*Soy la hucha de tus ahorros.*

*Mis hojas dan esquilmo para tu ganado y abono para tus campos.*

*Cuando me podes no me mutiles, hazlo con cariño y con inteligencia, no busques sólo mi leña.*

*El papel de tu periódico sale del árbol, y también puedo vestirte.*

*Soy la viga que soporta el techo de tu casa, las tablas de tu mesa y la cama donde reposas.*

*Cuando mueras, en forma de ataúd, seguiras necesitándome.*

*Soy el mango de tus herramientas, con mis ramas enciendo tu hogar y cueces el pan.*

*!Tengo horror al fuego¡ soy tu más fiel y mejor amigo, si me amas como merezco,*

*!DEFIÉNDEME¡.*

*Autor:*
*Dr. Avelino González Fernández*

# NECESO JE INTERNACIA LINGVO TRA LA HISTORIO

*La teksto de tiu ĉi artikolo apartenas al prelego de Doktorino María José Álvarez Faedo okaze de la aktoj okazigitaj de la Esperantista Grupo **ANTAŬEN** de Avilés por festi la Zamenhofan tagon de la jaro 1995.*

Tra ĉiuj periodoj de la homara historio, ekde kiam la divers-lingvaj popoloj komencis interrilati, la lingvaj malfacilaĵoj eble evidentiĝis kiel baro por iliaj rilatoj.

Preterlasante la primitivan komprenig-manieron per gestoj, kio, eĉ en nia "klera kaj tre civiliza epoko", devas ofte uzi la plej instruitaj personoj eksterlande aŭ for de la propra aŭtonoma komunumo, por komuniki la plej elementajn bezonojn, la problemo solviĝis tra la jarcentoj, almenaŭ parte, alimaniere. En diversaj historiaj epokoj, sub la influo de la politikaj kaj kulturaj eventoj, oni uzis diversajn hegemoniajn lingvojn, ofte dum longa tempo kaj en vastaj teritorioj, kiel instrumento de komunikado sur aliaj lingvoj kaj regionaj dialektoj[1].

Dum jarcentoj, tia rolo estis plenumita de la ĉinia literatura lingvo, kreita surbaze de la pekina dialekto, nuntempe en intensa disvolviĝ-procezo. En la teritorio de tiu-ĉi granda lando ekzistis samtempe multenombraj lingvoj kaj dialektoj, tre malsimilaj unu de la aliaj, kiuj diferencas de la oficiala lingvo ne nur pri fonetiko, sed ankaŭ pri leksikono, kaj, parte, ec pri gramatiko. La ĉina skribarto, konata ekde la XIVa jarcento antaŭ nia Erao, kaj poste disvastigita al Japanio, Koreujo kaj Vjetnamio, estis iam potenca ilo por diskonigo de la ĉinia kulturo, kaj komunika instrumento inter la lingvaj rimedoj.

Simila rolo plenumis la greka lingvo ***koine***, formita de miksaĵo de grekaj dialektoj, estante ĉefa bazo la jonia lingvo. Aleksandro la Granda igis tiun novan lingvon komuna en la landoj konkeritaj de sia armeo (334-324 a. K.). Ĝi devenis oficiala lingvo de kelkaj regnoj dum la helenisma epoko kaj, dum kelkaj jarcentoj, oni uzis ĝin kiel komuna lingvo super multenombraj lingvoj de la Adriatika maro ĝis la interno de Asio, de la Norda Afriko ĝis la regionoj ĉirkaŭ la Nigra maro. Poste, la greka lingvo estis, en Mezepoko, dum multaj jarcentoj, la oficiala lingvo de Bizancio. Tiusence, fariĝis pli grava la latina lingvo, deve-

# NECESIDAD DE UNA LENGUA INTERNACIONAL A TRAVÉS DE LA HISTORIA

*El texto de este artículo pertenece a una conferencia de la Doctora. Dña. María José Álvarez Faedo con ocasión de los actos organizados por el Grupo Esperantista **ANTAŬEN** de Avilés para celebrar el día de Zamenhof del año 1995.*

A lo largo de todos los períodos de la historia de la humanidad, desde cuando comenzaron a relacionarse entre sí los pueblos con lenguas diferentes, las dificultades lingüísticas seguramente se evidenciaron como una barrera para sus relaciones.

Dejando de lado el primitivo sistema de comprensión por medio de gestos, que, incluso en nuestra "culta y muy civilizada época", deben a menudo usar las personas más instruidas fuera de su país e incluso fuera de su comunidad autónoma, para comunicar las necesidades más elementales, el problema se resolvió a lo largo de los siglos, almenos parcialmente, de otras maneras. En diversas épocas históricas, bajo la influencia de los eventos políticos y culturales, se usaron diversas lenguas hegemónicas, a menudo durante largo tiempo y en extensos territorios, como instrumento de comunicación sobre otras lenguas y dialectos regionales.

Durante siglos, ese papel fue desempeñado por la lengua china literaria, creada sobre la base del dialecto pequinés, actualmente en un proceso de desarrollo intensivo. En el territorio de ese gran país coexistían numerosas lenguas y dialectos, muy diferentes unos de otros, que se diferenciaban de la lengua oficial no sólo en la fonética, sino también en el léxico, y, parcialmente, incluso en la gramática. El arte de la escritura china, conocido desde el siglo XIV antes de nuestra Era, y después extendido al Japón, Corea y Vietnam, fue en algún momento un potente instrumento para divulgar la cultura china, y un instrumento de comunicación entre los recursos lingüísticos.

Cumplió una función similar la lengua griega ***koine***, formada por una mezcla de dialectos griegos, siendo la base principal la lengua jónica. Alejandro Magno hizo a esa nueva lengua común en los países conquistados por su ejército (334-324 a. C.). Llegó a ser lengua oficial de algunos reinos durante la época helenística y, durante algunos siglos, se la usó como lengua común sobre numerosos idiomas desde el mar Adriático hasta el interior de Asia, desde el Norte de África hasta las regiones en torno al mar Negro. Después, la lengua griega fue, en la Edad

na el Lacio (Latium), aŭ, pli ĝuste, de la patricioj de la urbo de Romo, riĉiĝinta per alportaĵoj de la venkitaj lingvoj. Ekde Romo, ĝi disvastiĝis al la apudaj teritorioj, poste, ĝi superregis la aliajn Italajn lingvojn kaj, finfine, la Romaj legioj starigis ĝin en la tuta okcidenta mondo. Multenombraj lingvoj kaj dialektoj estis uzitaj en tiom vasta teritorio, sed la latina lingvo elstaris kiel oficiala lingvo, kaj estis samtempe la lingvo de la kulturo, la komerco kaj la intertribaj rilatoj en la sino de la Imperio.

Kiam, je la 5a jarcento, la Okcidenta Imperio falis sub la ĉiondetruaj atakoj de la barbaroj, la latina lingvo ne plu estis la oficiala lingvo de la ŝtato, sed ĝi ne malaperis. Sub la formo de Mezepoka Latina lingvo ĝi daŭre pluekzistis kiel lingvo de la superregantaj klasoj. Dum kelkaj pliaj jarcentoj, ĝi estis la lingvo de la nobelaro, de la eklezio, de la scienco, de la diplomatio, kaj ĝenerale, de la kulturo. Saman aŭ tre similan rolon havis, dum tiu historia epoko, ankaŭ aliaj lingvoj: la araba lingvo, je la periodo de progreso de la araba kulturo dum Mezepoko, kaj hodiaŭ, en formo de literatura lingvo, kiel kultura kaj politika ligilo de la popoloj parolantaj diversajn arabajn dialektojn; la turka lingvo, kiu post la permilitaj konkeroj far' de la Sublima Pordo enmetiĝis profunde en Eŭropo kaj lasis tie multajn postsignojn, precipe en la balkanaj lingvoj; la hispana, portugala, angla kaj franca lingvoj, kiuj disvastiĝis dum la koloniisma epoko kaj post aliaj konkeroj, kiu okazigis tion ke, nuntempe, ili estas oficialaj lingvoj de sendependaj ŝtatoj; la rusa lingvo, ne nur sub la caroj, sed ankaŭ en Sovetio, kaj nun en la diversaj ŝtatoj rezulte de la sovetia dismembriĝo; al ĉiuj ĉi lingvoj oni devas aldoni la germanan, italan, nederlandan kaj aliajn literaturajn lingvojn en diversaj teritorioj.

En ĉiuj ĉi ekzemploj, la menciitaj lingvoj ĝuis/as la apogon de definitaj politikaj fortoj, ĝenerale eĉ surbaze de la militista povo, sed ankaŭ de la ekonomia dinamiko kaj de la kultura disvastigado. La fakto ke malsamtrunkaj lingvoj akiris kaj perdis, tra la historio, tiom privilegian pozicion, klare montras ke ilia interna strukturo, per si mem, havis nenian decidigan signifon en ĉi tiu procezo. Principe, iuj lingvo povis ludi tiun rolon aŭ esti adaptita, kun relativa rapideco, por plenumi ĝin kiel atestas la kazo de la nuna disvolviĝo de oficialaj lingvoj en multaj novaj ŝtatoj, ekzemple Israelo aŭ Indonezio. Ŝajnas utile rimarkigi ke, ĝenerale, oni uzis/as la oficialajn

media, durante muchos siglos, la lengua oficial de Bizancio.

En ese sentido, se hizo más importante el latín, procedente del Lacio (Latium), o más exactamente, de los patricios de la ciudad de Roma, enriquecida por aportaciones de las lenguas vencidas. Desde Roma, se extendió a los territorios contiguos, después, dominó a las otras lenguas italianas y, finalmente, las legiones romanas la establecieron en todo el mundo occidental. Numerosas lenguas y dialectos eran usados en tan extenso territorio, pero el latín sobresalió como idioma oficial, y fue a la vez la lengua de la cultura, el comercio y las relaciones entre las tribus en el seno del Imperio.

Cuando, en el siglo V, el Imperio Occidental cayó bajo los demoledores ataques de los bárbaros, el latín ya no siguió siendo la lengua oficial del Estado, pero no desapareció. Bajo la forma de Latín Medieval siguió existiendo como lengua de las clases dominantes. Durante algunos siglos más, fue la lengua de la nobleza, de la Iglesia, de la ciencia, de la diplomacia, y generalmente, de la cultura. La misma o muy similar función tuvieron, durante esa época histórica, también otras lenguas: el árabe, en el período de auge de la cultura árabe durante la Edad Media, y actualmente, en forma de lengua literaria, como lazo de unión política y cultural de los pueblos que hablan diversos dialectos árabes; el turco, que tras las conquistas militares realizadas por la Sublime Puerta se introdujo profundamente en Europa y dejó allí una marcada influencia, principalmente en las lenguas balcánicas; el español, portugués, inglés y francés, que se extendieron durante la época colonial y tras otras conquistas, lo cual trajo consigo que, actualmente, sean lenguas oficiales de Estados independientes; el ruso, no sólo bajo los zares, sino también en la Unión Soviética, y actualmente en los diversos Estados resultantes del desmembramiento soviética; a todas estas lenguas se debe añadir el alemán, el italiano, el holandés y otras lenguas literarias en diversos territorios.

En todos estos ejemplos, las lenguas mencionadas gozaron y gozan del apoyo de fuerzas políticas definidas, generalmente incluso sobre la base del poder militar, pero también de la dinámica económica y de la difusión cultural. El hecho de que idiomas pertenecientes a distinto tronco adquirieron y perdieron, a lo largo de la historia, tan privilegiada posición, claramente muestra que su estructura interna, por sí misma, no tenía ningún significado decisivo en este proceso. Principalmente, algunas lenguas pudieron jugar ese papel o ser adaptadas, con relativa rapidez, para realizarlo como atestigua el caso del actual

lingvojn, ĉefe, ene de siaj respektivaj teritorioj kaj, malpli, eĉ je la kazo de la tiel nomataj *grandaj lingvoj*, ekster siaj landlimoj, speciale ene de la agadkampo de la ekonomia, kultura kaj politika influo. Tio ne malpliigas ilia gravecon, sed tute male: de vidpunkto de la kulturaj interŝanĝoj kaj la komunikado, la graveco de la komunaj lingvoj estis/as granda, sed nur ene de la limoj de kelkaj regionoj en la mondo. Eĉ oni povas diri ke, pasintece, kiam la internaciaj rilatoj ne ekzistis je monda skalo, aŭ kiam, poste, ili apenaŭ ekzistis, tiuj lingvoj iam plenumis malvastajn postulojn pri komunikado.

Tute alia estas la situacio post la malapero de la latina lingvo. En la nuna historia epoko, la lingva problemo estas speciale grava.

De vidpunkto de la internaciaj rilatoj en Eŭropo, la Latina lingvo havis, siatempe, specialan signifon. Kiel tre prave asertas Satow, komence ĝi estis la sola skriba lingvo, almenaŭ en Centra kaj Okcidenta Eŭropo. La latina lingvo estis uzita en la internaciaj rilatoj, ne nur skribe, sed ankaŭ parole. Sed pro la Reformo kaj la naskiĝo de la grandaj ŝtatoj, la latina lingvo malaperis kiel ilo por la internaciaj rilatoj. Ĝi estis anstataŭita, unue, de la franca lingvo, jam je la 15a jarcento, kaj, poste, de aliaj lingvoj, kiel la hispana, angla aŭ la germana.

Komence de la XVIa jarcento, ĉiuj interakordoj redaktitaj en la hispana, angla, germana aŭ itala lingvoj estis de interna nivelo. La Katolikaj Gereĝoj uzis la hispanan lingvon en la rajtigiloj de siaj senditoj; la germana lingvo estis uzita inter la germanaj princoj; la angla en la rilatoj inter Anglio kaj Skotlando; la itala lingvo inter la respublikoj de la itala duoninsulo. Por la internaciaj akordoj kaj negoc-dokumentoj, laŭ la vera senco de la vorto, oni uzis du lingvojn: la latinan kaj la francan. Sed jam Luis Vives, en lia verko *De Disciplinis* (1532) asertis ke:

> *Estus grandioze se ekzistus unusola lingvo kiun povus uzi ĉiuj popoloj... La latina lingvo mortos kaj tiam alvenos granda konfuzo en ĉiuj sciencoj kaj granda distanciĝo inter la popoloj.*

Malgraŭ tio, je la XVIIa jarcento, la latina lingvo ankoraŭ okupis elstaran pozicion, la konkurenco de la franca kaj poste la angla kaj aliaj lingvoj, evidentiĝis plue. La granda pensisto kaj filozofo R. Kartezo, en letero al la Patro Marsenne de la 20a de novembro de la jaro 1629, asertis:

desarrollo de lenguas oficiales en muchos nuevos Estados, por ejemplo Israel o Indonesia. Parece útil destacar que, generalmente, se usaron y usan las lenguas oficiales, principalmente, en el seno de sus respectivos territorios y, menos, incluso en el caso de las llamadas *grandes lenguas*, fuera de sus fronteras, especialmente dentro del campo de acción de la influencia económica, cultural y política. Eso no disminuye su importancia, sino todo lo contrario: desde el punto de vista de los intercambios culturales y de la comunicación, la importancia de las lenguas comunes fue y es grande, pero sólo dentro de los límites de algunas regiones en el mundo. Se puede decir incluso que, en el pasado, cuando las relaciones internacionales no existían a escala mundial, o cuando, después, apenas existían, esas lenguas cumplían las escasas exigencias de la comunicación.

Totalmente diferente es la situación tras la desaparición del latín. En la actual época histórica, el problema lingüístico es especialmente grave.

Desde el punto de vista de las relaciones internacionales en Europa, el Latín tuvo, en su tiempo, un significado especial. Como muy acertadamente declara Satow, primero era la única lengua escrita, al menos en Europa Central y Occidental. El latín era usado en las relaciones internacionales, no sólo por escrito, sino también hablado. Pero por la Reforma y el nacimiento de los grandes Estados, el latín desapareció como instrumento para las relaciones internacionales. Fue reemplazado, primero, por el francés, ya en el siglo XV, y, después, por otras lenguas, como el español, el inglés o el alemán.

A comienzos del siglo XVI, todos los acuerdos redactados en español, inglés, alemán o italiano eran de nivel interno. Los Reyes Católicos usaban el español en las acreditaciones de sus embajadores; el alemán era usado entre los príncipes alemanes; el inglés en las relaciones entre Inglaterra y Escocia; el italiano entre las repúblicas de la península italiana. Para los acuerdos internacionales y documentos de negocios, en el verdadero sentido de la palabra, se usaban dos idiomas: el latín y el francés. Pero ya Luis Vives, en su obra *De Disciplinis* (1532) declaraba que:

> *Sería una cosa grandiosa si existiese una sola lengua que pudieran usar todos los pueblos... El latín morirá y entonces vendrá una gran confusión en todas las ciencias y un gran distanciamiento entre los pueblos.*

A pesar de eso, en el siglo XVII, el latín todavía ocupaba una destacada posición, la competencia del francés y después el inglés y otras lenguas, se siguieron evidenciando. El gran pensador y filósofo R. Descartes, en una carta al Pa-

*Estas multaj personoj kiuj ege foroferus kvin aŭ ses jarojn de sia tempo por povi esti komprenita de ĉiuj homoj... Mi kuraĝas esperi universalan lingvon, facila por lerni, prononci kaj skribi, kaj, plej grave, kiu helpus la racion, prezentante ĉiuj aĵoin laŭ maniero tiel klara, ke rezultus preskaŭ neebla erari...*

Kaj poste, en la jaro 1641, J.A.Comenius, insistis ke ... *la mondo bezonas komunan lingvon, pli facila ol ĉiuj jam konataj...* La deklivo de la latina kiel internacia lingvo evidentiĝis post la Traktato de Westfalia. Tiu-ĉi iompostioma perdiĝo de internacia superregado de la latina lingvo instigis, inter la filozofoj, la deziregon emfazi la neceson je internacia lingvo. Tiel, laŭ vortoj de F.M.Voltero:

*Ekde la regado de Aŭgusto ĝis proksimume la epoko de Atila, de Clodwing, de Gondebaud, dum dek jarcentoj... la konata tero havis solan lingvon: oni parolis la latinan ekde Eŭfrato ĝis la monto Atlas... Hodiaŭ, Bergama homo (de Bergamo, Italio), kiu vojaĝus tra la malgrandaj svisaj kantonoj, de kiuj li estas apartigita nur de monteto, bezonas interpretiston, same ol se li estus en Ĉinio. Tiu-ĉi estas unu el la plej grandaj malfeliĉoj de la vivo.*

Kaj C.Montesquieu apogis la vortojn de lia kamarado dirante, en la jaro 1728, ke: *La komunikado inter la popoloj estas tiel granda, ke ili spertas la neceson de komuna lingvo.* Tamen, iliaj voĉoj resonis en surdaj oreloj, kaj, la franca lingvo, komence de la XVIIa jarcento, komencis esti uzita por la internaciaj rilatoj. Tiu lingvo ĝuis tiel privilegian situacion, ke la aliaj ŝtatoj konsideris necese reagi intencante eviti ke tiu praktiko de la franca devenus lingva rajto. La lasta Akto de la Kongreso de Vieno, la 9a de junio de 1815, redaktita en la franca lingvo, signis, eksplicite, en ties 120a artikolo, ke la uzo de la franca lingvo ne povas esti konsiderata kiel deviga precedenco; kaj ke ĉiu ŝtato rajtas uzi, en siaj diplomatiaj rilatoj, la lingvon kiun ĝi uzis ĝis tiam, aŭ alia de ĝi preferota.

Tiu-ĉi decido estis aplaŭdita de multenombraj kleraj homoj, inter ili C.Fourier, kiu, en sia verko ***Théorie de L'Unité Universelle*** (1841-43) deklaras:

*La interpopolaj rilatoj atingos tiel rangon kaj aktivecon ke, senĉese, ili prenos liajn radikojn kaj lingvajn esprimojn iuj el la aliaj;*

dre Marsenne del 20 de noviembre de 1629, declaraba:

*Hay muchas personas que sacrificarían cinco o seis años de su tiempo para poder ser comprendidos por todos los hombres... Me atrevo a esperar una lengua universal, fácil de aprender, pronunciar y escribir, y, lo más importante, que ayude a la razón, presentando todas las cosas de manera tan clara, que resulte casi imposible errar...*

Y después, en el año 1641, J.A.Comenius, insistía que ... *el mundo precisa una lengua común, más fácil que todas las ya conocidas...* El declive del latín como lengua internacional se evidenció tras el Tratado de Westfalia. Esta paulatina pérdida del dominio internacional del latín instigó, entre los filósofos, el deseo enfatizar la necesidad de una lengua internacional. Así, según palabras de F.M.Voltaire:

*Desde el reinado de Augusto hasta aproximadamente la época de Atila, de Clodwing, de Gondebaud, durante diez siglos... la tierra conocida tenía una sola lengua: se hablaba latín desde el Eufrates hasta el monte Atlas... Hoy, un hombre de Bergamo (Italio), que viajase por los pequeños cantones suizos, de los que le separan sólo un pequeño monte, necesita un intérprete, igual que si estuviese en China. Este es una de las más grandes desgracias de la vida.*

Y C.Montesquieu apoyaba las palabras de su camarada diciendo, en 1728, que: *La comunicación entre los pueblos es tan grande, que ellos sienten la necesidad de una lengua común.* Sin embargo, sus voces sonaron en oídos sordos, y, el francés, a comienzos del siglo XVII, empezó a ser usado para las relaciones internacionales. Esa lengua gozaba de tan privilegiada situación, que los otros Estados consideraron necesario reaccionar intentando evitar que esa práctica del francés llegase a ser un derecho linguístico. El último Acto del Congreso de Viena, el 9 de junio de 1815, redactado en francés, señalaba, explícitamente, en su artículo 120, que el uso del francés no podía ser considerado como un precedente obligatorio; y que todo Estado tiene derecho a usar, en sus relaciones diplomáticas, la lengua que había usado hasta entonces, u otra que él prefiera.

Esta decisión fue aplaudida por numerosos hombres cultos, entre ellos C.Fourier, quien, en su obra ***Théorie de L'Unité Universelle*** (1841-43) declara:

*Las relaciones entre los pueblos alcanzarán tal rango y actividad que, sin cesar, tomarán sus raíces y expresiones lingüísticas unos de otros; Cada lengua local verterá en la lengua*

*ĉiu loka lingvo verŝos en la ĝenerala lingvo tutan originalecon kaj energion kiujn ĝi havas... donante siajn plej valorajn elementojn al la lingvo de la unueco, kiu ne estos la franca, de primitiva strukturo, sed riĉa kaj belega lingvo, la unua inda de unuigita homaro, ĉar ĝi enhavos la genion de ĉiuj popoloj.*

La unua rezisto kiun Francio trovis intencante doni al sia lingvo la kategorion de "oficiala" en la internaciaj rilatoj datas je la jaro 1753: En la Traktatoj por solvi la malakordojn pri la prezoj, la Francaj komisiistoj resendis al la angloj ĉi ties memorandon, ĉar ĝi estis skribita en la angla lingvo, kaj ili postulis ke la tuta negocado okazu en la Franca. Ili asertis ke la privilegia pozicio de la franca lingvo estis establita ankaŭ jure pro ĝia longa uzado en la diplomatia praktiko. La brita registaro sendis instrukciojn al siaj reprezentantoj en Parizo, per kiuj diris ke, pro ĝentileco, ili ciam aldonis al la anglaj memorandoj franclingvan tradukon, sed la francaj senditoj trovis erarojn en la tradukaĵo. Do, la anglaj senditoj ricevis ordonon uzi nur la anglan porestonte. Ĉar tiuokaze Francio postulis la uzadon de la franca lingvo kiel rajto, la brita registaro opiniis ke la akceptado de ĝia uzado sub tiaj kondiĉoj signifus krei, fakte, precedencon kaj akcepti la uzadon de la franca lingvo kiel rajto, aldonante:

*Ĉiu nacio rajtas rilati per neŭtrala lingvo. Tial, oni uzas la francan en la trakatoj kun la princoj de la Imperio kaj kun aliaj potencoj; se la kortego en Versalles opinias ke estas oportune pritrakti kun Lia Reĝa Moŝto en la latina lingvo, la Reĝo akceptos bonvole... La Reĝo eksplicite ordonas ke vi ne akceptu, estontece, dokumenton el la francaj senditoj skribitan en lia lingvo, se ili ne volas ricevi la respondon en la angla.*

En la jaro 1800 la kortego de Sankta Jakobo iniciatis praktikon por interrilatado per la angla lingvo kun la akreditataj diplomatiistoj, anstataŭ per la franca, kiu antaŭe estis uzita preskaŭ ĉiam kaj ĉie. La kutimo enradikiĝis kaj la brita Regantaro uzadis la anglan plu kaj plu por siaj komunikadoj kun aliaj registaroj. Al la plifortiĝo de la pozicio de la angla lingvo ege kontribuis la kreskiĝanta influo de Usono. Kiam ĉi ties monda povo pli kreskiĝis, ankaŭ pli kreskiĝis la graveco de la angla lingvo.

Sed, en la jaro 1887, en Polio, ekaŭdiĝis la voĉo de L.L.Zamenhof, kiu malfermis la mondajn

*general toda la originalidad y energía que tenga... dando sus elementos más valiosos a la lengua de la unidad, que no será el francés, de estructura primitiva, sino una lengua rica y bella, la primera digna de una humanidad unida, pues tendrá el genio de todos los pueblos.*

La primera resistencia que Francia encontró al intentar dar a su lengua la categoría de "oficial" en las relaciones internacionales data del año 1753: En los Tratados para solucionar los desacuerdos sobre los precios, los comisionados franceses devolvieron a los ingleses su memorandum, puesto que estaba escrito en inglés, y pedían que toda la negociación tuviese lugar en francés. Declaraban que la posición privilegiada del francés estaba establecida también jurídicamente por su largo uso en la práctica diplomática. El gobierno británico envió instrucciones a sus representantes en París, por las que les decían que, por gentileza, siempre habían añadido a los memorandums ingleses una traducción en francés, pero los enviados franceses encontraban errores en la traducción. Por tanto, los enviados ingleses recibieron orden de usar sólo el inglés en el futuro. Puesto que en esa ocasión Francia solicitaba el uso del francés como derecho, el gobierno británico opinó que la aceptación de su uso bajo tales condiciones significaría crear, de hecho, un precedente y aceptar el uso del francés como derecho, añadiendo:

*Toda nación tiene derecho a relacionarse por medio de una lengua neutral. Por eso, se usa el francés en los tratados con los príncipes del Imperio y con otras potencias; si la corte de Versalles opina que es oportuno tratar con Su Majestad en latín, el Rey aceptaría de buen grado... El Rey explícitamente ordena que ustedes no acepten, en el futuro, documentos de los franceses escritos en su lengua, si ellos no quieren recibir la respuesta en inglés.*

En el año 1800 la corte de San Jacobo inició la práctica de relacionarse por medio del inglés con los diplomáticos acreditados, en lugar del francés, que anteriormente era usado casi siempre y en todas partes. La costumbre se enraizó y el gobierno británico usó cada vez más el inglés para su comunicación con otros gobiernos. Al reforzamiento de la posición del inglés contribuyó en gran medida la creciente influencia de EE.UU. Cuando su poder mundial creció más, también aumentó la importancia del inglés.

Pero, en 1887, en Polonia, empezó a escucharse la voz de L.L.Zamenhof, quien abrió los ojos al mundo, declarando que: *Para que una lengua sea mundial, no basta llamarla así.*

Sí, adoptar una lengua nacional, incluso dos lenguas como algunos proponen, no es digno de

okulojn, asertante ke: *Por ke lingvo estu monda, ne sufiĉas nomi ĝin tiel.*

Jes, adopti nacian lingvon, eĉ du lingvojn kiel iuj proponis, estis nekonsiderinda. La historio de la lastaj jarcentoj montris al li ke la grandaj potencoj ne estis pretaj forlasi la avantaĝajn poziciojn de ili konkeritaj por siaj propraj lingvoj. La malgrandaj nacioj, kaj la etniaj minoritatoj, ofte viktimoj de kultura genocido, komencis aŭdigi siajn voĉojn, pli kaj pli forte, defendante sian nacian legitimecon.

Do, nur restis, kiel sola logika solvo, la adoptado de neŭtrala internacia lingvo por ĉiuj internaciaj rilatoj, kiel Kartezo, Leibnitz, Komensky kaj aliaj kleruloj iam revis. Kaj, inter multenombraj projektoj, nur la Internacia Lingvo, iniciatita de Dro. L.L.Zamenhof en 1887, kaj poste konata per la nomo de **Esperanto**, adoptante la pseŭdonimon de ĝia aŭtoro, devenis lingvo de aktiva internacia kolektiveco.

La ĉina, araba, greka, romia, franca, angla kaj germana popoloj, ĉiu siaokaze, atingis siajn celoj tra la historio, apogitaj de la povo de siaj respektivaj imperioj. Nun la hispan-parolantaj landoj povus havi saman pretendon koncerne nia lingvo.

Post la Internacia Lingvo ne staras la povo de ia ŝtato, sed ĝi mem posedas la forton de la internacieco kaj, ekde la nura lingva vidpunkto, la plej grandan perfektecon, ĉar ĝiaj gramatikaj kaj fonetikaj reguloj ne havas esceptojn. Do, L.N. Tolstoj asertis en letero, la 27a de Aprilo de 1894: *La facileco de ĝia lernado estas tia, ke ricevinte antaŭ ses jaroj gramatikon de Esperanto, vortaron kaj kelkajn artikolojn, verkitajn en tiu lingvo, kaj post studi ĝin dum ne pli ol du horoj tage, mi povis, ne nur skribi sed legi tre facile tiun lingvon.* Kaj kvardek membroj de la Franca **Academie des Sciences**, en rezolucio de la 1a de Junio de 1924, deklaris la Internacian Lingvon Esperanton ***ĉefverko de logiko kaj facileco.***

Post tiu lingvo staras la povo de la racio, de la justeco, de la egaleco de ĉiuj lingvoj, kaj do, de la frateco, kio estas la plej necesa nuntempe.

La estonteco montros al ni ĉu la racio venkos la antaŭjuĝojn kaj la superstiĉojn de la lingvoj en la internaciaj rilatoj. Kaj hodiaŭ, al mi restas nur diri: *Dankon, Dro. Zamenhof!*.

[1] A.Meillet kaj M.Cohen diras, en ilia verko *Las Langues du Monde*, París, 1952, ke oni ne povas trovi kriterion kio povas esti aplikita por distingi inter lingvo kaj regiona dialekto.

consideración. La historia de los últimos siglos le enseñó que las grandes potencias no están dispuestas a abandonar las ventajosas posiciones conquistadas por ellas para sus propios idiomas. Las pequeñas naciones, y las etnias minoritarias, a menudo víctimas de un genocidio cultural, comenzaron a hacer oir su voz, cada vez más fuerte, defendiendo su legitimidad nacional.

Así pues, sólo quedaba, como única solución lógica, la adopción de una lengua neutral internacional para todas las relaciones internacionales, como Descartes, Leibnitz, Komensky y otros intelectuales habían soñado. Y, entre numerosos proyectos, sólo la Lengua Internacional, iniciada por el Doctor L.L.Zamenhof en 1887, y después conocida por el nombre de **Esperanto**, adoptando el seudónimo de su autor, llegó a ser una lengua de una activa colectividad internacional.

Los pueblos chino, árabe, griega, romano, francés, inglés y alemán, cada uno en su momento, alcanzaron sus objetivos a lo largo de la historia, apoyados por el poder de sus respectivos imperios. Ahora los países de habla española podrían tener la misma pretensión en lo que se refiere a nuestro idioma.

Detrás de la Lengua Internacional no se yergue el poder de ningún Estado, pero él mismo posee la fuerza del internacionalismo y, sólo desde el punto de vista lingüístico, la más grande perfección, ya que sus reglas gramaticales y fonéticas no tienen excepciones. Así pues, L.N.Tolstoi aseguraba en una carta del 27 de Abril de 1894: *La facilidad de su aprendizaje es tal, que habiendo recibido hace seis años una gramática de Esperanto, un diccionario y algunos artículos, escritos en esa lengua, y después de estudiarla durante no más de dos horas diarias, pude, no sólo escribir sino leer muy facilmente en esa lengua.* Y cuarenta miembros de la **Academia de las Ciencias** francesa, en resolución del 1 de Junio de 1924, declararon la Lengua Internacional Esperanto ***obra maestra de lógica y facilidad.***

Detrás de ese idioma se yergue el poder de la razón, de la justicia, de la igualdad de todas las lenguas, y por tanto, de la fraternidad, que es lo más necesario en la actualidad.

El futuro nos mostrará si la razón vence los prejuicios y las supersticiones de las lenguas en las relaciones internacionales. Y hoy, a mi sólo me queda decir: *Gracias, Doctor Zamenhof!.*

[1] A.Meillet y M.Cohen dicen, en su obra *Las Langues du Monde*, París, 1952, que no se puede encontrar un criterio que pueda ser aplicado para distinguir entre una lengua y un dialecto regional.

*La 84-a Universala Kongreso de Esperanto okazis en Berlino dum la tagoj 31-a de Julio - 7-a de aŭgusto de la nuna jaro 1999.*
*Ni transskribas kelkajn tekstojn, salutojn, intervenojn, intervjuojn... kiuj povas havi ian intereson laŭmezure ke en ili oni raportas pri la utilo kaj la rolo de la Internacia Lingvo en nia nuntempa multkultura kaj multlingva mondo.*




*El 84º Congreso Universal de Esperanto tuvo lugar en Berlín durante los días 31 de julio al 7 de agosto del presente año 1999.*
*Transcribimos algunos de los textos, saludos, intervenciones, entrevistas... que pueden tener algún interés por tratar sobre la utilidad y la función de la Lengua Internacional en nuestro mundo actual multicultural y multilingüístico.*

# Salutas Berlino

**El la parolado de berlina ŝtatsekretario ĉe la oficiala akcepto en la urbodomo**

(tradukita el la manuskripto)

,,Kiel membro de la honora komitato de via kongreso la ĉefurbestro de Berlino, s-ro Eberhard Diepgen, petis min transdoni al vi liajn treege korajn salutojn. Li tre bedaŭras ne povi veni hodiaŭ. *Mi* persone bedaŭras ne povi saluti vin en la lingvo vin ĉiujn liganta, Esperanto."

,,Rimarkinda ĉe via kongresa temo ŝajnas al mi, ke vi malimplice metas en la malfonon de viaj pripensoj la eblajn sekvojn *pozitivajn* de tutmondigo, dum ĝuste ĉi tie en Germanio la nocio "tutmondiĝo" ofte havas negativan nuancon. Mi konsentas kun vi, ke la tutmonda interplekto de la ekonomio kaj la plidensigo de la tutmonda komunikado estas grandiosa ŝanco por pli bona interkompreniĝo inter la popoloj. ... La tempo tiurilate laboras favore al la baza ideo de Esperanto."

Li donis superrigardon pri sia fako "scienco en Berlino" kaj tie vidas tri ĉefajn rilatojn al nia kongreso: ,,Unue ni kreis la juran kadron... por enkonduki ankaŭ internaciajn akademiajn gradojn... Due ni kreas internacian kompareblecon kaj agnoskeblecon de studorezultoj. Tio ege favorigas la movemon de studentoj. ...Berlino deziras grandan procentaĵon de eksterlandaj studentoj. Tio trie necesigas plifortigitajn klopodojn, enkonduki fremdlingvan instruadon, igi pli allogaj la vivkondiĉojn por eksterlandaj studentoj en nia urbo kaj inverse levi la socian kompetentecon de germanaj studentoj por aliaj kulturoj."

# Saluda Berlín

**De la alocución del secretario de Estado berlinés en la recepción oficial en el ayuntamiento**

(traducido del manuscrito)

,,Como miembro del Comité de Honor de vuestro congreso el Alcalde Jefe de Berlín Eberhard Diepgen, me pidió os trasmitiera sus muy cordiales saludos. Lamenta mucho no poder venir hoy. *Yo* personalmente lamento no poder saludaros en el idioma que os une a todos vosotros, Esperanto."

,,De vuestro tema congresual me parece digno de destacar que explícitamente poneis en el primer plano de vuestros pensamientos las posibles consecuencias *positivas* de la mundialización, mientras precisamente aquí en Alemania la noción "mundialización" tiene un matiz negativo. Coincido con vosotros en que el entrelazamiento mundial de la economía y la densificación de la comunicación mundial es una baza formidable para la mejor comprensión entre los pueblos... En ese sentido el tiempo trabaja a favor de la idea básica del Esperanto."

Dio una visión sobre su área "ciencia en Berlín" y ahí las principales relaciones con nuestro congreso: ,,Primero creamos el marco jurídico... para introducir también grados académicos internacionales... En segundo lugar creamos criterios de comparación y reconocimiento internacional de los resultados. Esto favorece mucho la movilidad de estudiantes. ...Berlín desea un gran porcentaje de estudiantes extranjeros. Esto en tercer lugar hace necesario redoblar esfuerzos para introducir la formación extranjera, hacer más atrayentes las condiciones de vida para los estudiantes extrajeros en nuestra ciudad y a la vez elevar la capacidad social de los estudiantes alemanes para otras culturas.

# EU-parlamentano pledas por Esperanto

*Dum la inaŭguro de la Universala Kongreso parolis d-ro Christof Tannert, ano de la Eŭropa Parlamento kaj membro de la honora komitato de la UK. Li interalie diris jenon:*

La Eŭropa Unio aktuale havas 15 membroŝtatojn kun 11 oficialaj lingvoj. Tiom same da oficialaj lingvoj havas la Eŭropa Parlamento, kaj kun la venontaj pliampleksigoj fariĝus 10 pli, se oni restus ĉe tiu principo. Tio ne eblas. Ĉiukaze estas maljusta principo, ĉar en multaj membroŝtatoj ekzistas pli ol unu lingvo.

Solvo nur povas esti uzo de dua lingvo komuna por ĉiuj. En la institucioj de la Eŭropa Unio la angla jam estas fakte la komunikada lingvo. Sed estas tre simpla angla, kaj kiel ĉiuj etnaj lingvoj ankaŭ la angla ne estas neŭtrala politike kaj kulture. Do oni konsideru konstruitan lingvon kiel Esperanton.

128 anoj de la Eŭropa Parlamento (pli ol 20 %) subtenis iniciaton, kiu postulas Esperanton kiel devigan lernejan fakon. Intertempe ankaŭ mi aliĝis al ĝi.

Mi fine citas la filozofinon Hannah Ahrendt: **La unuiĝo de la homaro kaj ĝia solidareco ne povas konsisti el tutmonda kontrakto pri unu religio, unu filozofio aŭ unu registara formo, sed nur el la fido, ke la diverseco montras al la unueco, kiu per la malsamoj samtempe estas kaŝata kaj malkaŝata.**

Por tia unueco komuna komunikada lingvo estus plej bona kondiĉo, nome por vivoplena multeco de lingvoj.

# Un parlamentario de la U.E. aboga por el Esperanto

*En la inauguración del Congreso Universal intervino el doctor Christof Tannert, miembro del Parlamento Europeo y del comité de honor del Congreso. Entre otras cosas, dijo lo siguiente:*

La Unión Europea tiene actualmente 15 Estados miembros con 11 idiomas oficiales. Las mismas lenguas oficiales tiene el Parlamento Europeo, y con las siguientes ampliaciones se incorporarán 10 más, si se sigue con el mismo criterio. Eso no es posible. En todo caso se trata de un criterio injusto, pues en muchos de los Estados miembros existe más de una lengua.

La solución puede ser solamente el uso de una segunda lengua común por todos. En las instituciones de la Unión Europea el inglés ya es de hecho la lengua de comunicación. Pero se trata de un inglés muy simple, y como todas las lenguas étnicas, tampoco el inglés es neutral política y culturalmente. Por tanto, se debe considerar una lengua elaborada como el Esperanto.

128 miembros del Parlamento Europeo (más del 20 %) apoyaron una iniciativa, que pide el Esperanto como asignatura escolar obligatoria. Mientras, también yo me uní a esa petición.

Finalmente cito a la filósofa Hannah Ahrendt: **La unuidad de la humanidad y su solidaridad no puede consistir en un acuerdo mundial acerca de una religión, una filosofía o una forma de gobierno, sino sólo en la confianza, que la diversidad muestra la unidad, que por medio de las diferencias es a la vez ocultada y descubierta.**

Para esa unidad, una lengua común de comunicación sería la mejor condición, en concreto para una multiplicidad de lenguas llena de vida.

# Mesaĝo de Zaleski-Zamenhof

*Dum la inaŭguro la nepo de la aŭtoro de Esperanto, d-ro L.C.Zaleski-Zamenhof, salutis la kongresanojn kaj diris jenon:*

Sinjoro Prezidanto, gesinjoroj honoraj gastoj, gesinjoroj kongresanoj, karaj geamikoj, bonvolu akcepti miajn tradiciajn, sincerajn salutojn al vi ĉiuj, kunvenintaj por kongresi en Berlino, urbo kies ĉiu ŝtono ŝajnas grave ŝarĝita de historio. Urbo, kie oni iam ordonis, ke Esperanto malaperu, sed urbo, kiu fariĝas por la semajno venonta la ĉefurbo de Esperantujo. Urbo, kie oni iam estris la holokaŭston de Hebreoj, sed kiu dum kelkaj tagoj simbole transdonos la verdan standardon al la amikoj en Tel-Avivo. Kunvenintaj por debati pri signifoplena temo, elektita por via kongreso: pri la tutmondiĝo kaj pri ŝancoj por paco. Temo perfekte adekvata al la loko de la venontaj debatoj kaj al la komunumo debatonta: -komunumo de pacaj batalantoj, kiuj kolektiĝas esperante detrui murojn de miljaroj, starantajn inter la popoloj; - urbo, kie falis la muro popolon dividinta, eĥo de tiu evento, sonante tra la mondo kaj inaŭgurinte falon de muro virtuala, dividinta homaron en kampoj malamikaj.

Ĉi tie do, fare de dissalto de la Berlina muro, startis efektivigado de la ideo de tutmondiĝo, ideo konkretiganta la sonĝon pri granda rondo familia de popoloj, kantatan en nia himno "La Espero".

Okazis hazarde, ke antaŭ dek jaroj, ĝuste kiam la unuaj truoj aperadis en la muro de la honto, mi troviĝis en Berlino, ankaŭ Por aferoj de Esperanto, invitita de Helmar Frank al



*D-ro L.C.Zaleski-Zamenhof, nepo de la aŭtoro de ESPERANTO*

# Mensaje de Zaleski-Zamenhof

*En la inauguración el nieto del autor de Esperanto Dr. L.C. Zaleski-Zamenhof saludó a los congresistas y dijo lo siguiente:*

Señor Presidente, honorables invitados, señores congresistas, queridos amigos, tengan a bien aceptar mis tradicionales y sinceros saludos a todos ustedes, reunidos en congreso en Berlín, ciudad en la cual cada piedra parece muy cargada de historia. Ciudad donde una vez se ordenó que el Esperanto desapareciera, pero ciudad, que se hará en la semana próxima la capital de los esperantistas. Ciudad donde una vez se organizó el holocausto de los Hebreos, pero que durante algunos días transferirá simbólicamente el estandarte verde a los amigos de Tel-Aviv. Reunidos para debatir el tema, pleno de sentido, elegido para su congreso: Mundialización y oportunidades para la paz. Tema perfectamente adecuado al lugar de los próximos debates y a la comunidad que los debatirá: -comunidad de pacíficos luchadores, que se reúnen con la esperanza de destruir los muros milenarios erigidos entre los pueblos; - ciudad, donde cayó el muro que dividía a los pueblos, eco de este evento, sonando a través del mundo e inaugurando la caída del muro virtual, que dividía la humanidad en campos enemigos.

Aquí pues, por medio del derribo en pedazos del muro de Berlín, se puso en marcha la idea de mundialización, idea que concreta el sueño acerca de un gran círculo familiar de pueblos, cantado en nuestro himno "La Espero" (La Esperanza).

Ocurrió por azar, que hace diez años, justamente cuando los primeros agujeros aparecieron en el muro de la vergüenza, yo me encontraba en Berlín; también por asuntos de Esperanto, invitado por Helmar Frank a la reunión aquí de AIS. Yo

AlSo-kunveno ĉi tie. Mi tiam travivis vere solenan momenton, En la etoso ĝenerala, ene de la aro de entuziasmuloj, mi frapadis per marteleto, ie trovita, kontraŭ la muro, konvinkita kontribui tiamaniere al la dissalto de obstinaj baroj. Observante la falon de la muro mi havis la impreson esti vida atestanto de la fino de epoko kaj de la naskiĝo de nova, pli feliĉa jarcento alproksimiĝanta, kvankam la vorto tutmondiĝo ne loĝis ankorau en mia cerbo.

Tamen mi baldaŭ komprenis, ke la gravaj problemoj, kiuj ekaperas, aŭ reaperas, en tiu feliĉa estonto, fariĝinta seniluziiga nuntempo, postulas tutmondskalajn solvojn. Ĉu tiaj solvoj, ĉu la tutmondiĝo estas ŝanco por paco? Mia respondo estus "ne!" - ĝi ne estas ŝanco por paco, ĝi prezentas al paco kondiĉon necesan!

Ĉar se hodiaŭ ne plu ekzistas muro inter iama oriento komunista kaj okcidento kapitalista, tamen limo ekzistas inter la nordo riĉa kaj la sudo malsatanta. Do la dissalton de tiu baro ene de mondskale organizota ekonomia ekvilibro estas kondiĉo de paco, ĉar daŭra paco ne estas antaŭvidebla inter satulo kaj malsatulo. Tiel etnaj konfliktoj, kiel religiaj, bezonas solvon pere de mondskala organizo. Kaj la senlaboreco en nia kontinento, samtempa al grava manko de laborenergio por protekti landojn kontraŭ naturaj katastrofoj aliloke; ĉu tio ne bezonas mondskalajn solvojn? Same kiel protektado de la kulturaj diversecoj, protektado de lingvoj, eĉ tiuj parolataj de etaj grupoj, vehikloj de tia diverseco, lingvoj al kies konservado la neŭtrala lingvo internacia devas kontribui. Kaj fine, sed eble plej grave, la protekto de nia medio, kondiĉo necesa al la daŭrigo de ekzisto de nia mondo, ja bezonas tutmondskalan disciplinon!

En la nomo de la familio Zamenhof kaj ankaŭ en la nomo de la fondumo Zamenhof kreita dum lasta jardeko en la naskiĝurbo de mia avo, Bjalistoko, mi deziras plenan sukceson al la 84a Universala Kongreso de Esperanto. Esperanto, vehiklo de la universala toleremo, fundamenta valoro de interhomaj rilatoj, toleremo signifanta respekton de la diverseco, de la alieco, tial do necesa faktoro de sukcesa funkciado de la tutmondiĝo.

entonces viví un momento verdaderamente solemne. En el ambiente general, dentro del conjunto de entusiastas, yo golpeé con un martillito, encontrado en algún lugar, contra el muro, convencido de contribuir de esta manera al derribo en pedazos de las barreras de obstinación. Observando la caída del muro tuve la impresión de ser un testigo viviente del fin de una época y el nacimiento de una siglo nuevo, más feliz, que se aproxima, aunque la palabra mundialización no residía aún en mi cerebro.

Sin embargo pronto comprendí, que los problemas importantes que comienzan a aparecer, o reaparecen, en ese feliz futuro, habiéndose llegado a la actual desilusión, exigen soluciones a escala mundial. ¿Acaso tales soluciones, o acaso la mundialización es un baza para la paz? Mi respuesta sería "no" - ello no es una baza para la paz, ello representa una condición necesaria para la paz.

Porque si hoy ya no existe muro entre el oriente comunista de entonces y el occidente capitalista, sin embargo existe una frontera entre el norte rico y el sur hambriento. Por consiguiente, el derribo en pedazos de ese obstáculo dentro del equilibrio económico organizado a escala mundial, es una baza para la paz, porque no es posible prever una paz duradera entre saciados y hambrientos. Tanto los conflictos étnicos, como los religiosos, necesitan una solución por medio de una organización a escala mundial. Y el desempleo en nuestro continente, simultaneo a la grave falta de voluntad para proteger a los países contra las catástrofes naturales en otros lugares; ¿acaso eso no necesita soluciones a escala mundial? Lo mismo que la protección de las diversidades culturales, protección de las lenguas, incluso de aquellas habladas por pequeños grupos, vehículos de tal diversidad, lenguas a cuya conservación debe contribuir la lengua neutral internacional. Y finalmente, pero posiblemente más importante, la protección de nuestro medio ambiente, condición necesaria para la continuación de la existencia de nuestro mundo, ¡en verdad necesita disciplina a escala mundial!

En nombre de la familia Zamenhof y también en nombre de la Fundación Zamenhof creada en la última década en la ciudad de nacimiento de mi abuelo, Bialistok, deseo pleno éxito al 84 Congreso Universal de Esperanto. El Esperanto, vehículo de la tolerancia universal, valor fundamental de las relaciones humanas, tolerancia que significa respeto por la diversidad, por la desigualdad, por eso pues, factor necesario para el buen funcionamiento de la mundialización.

## Salutmesaĝo de Kofi Annan

### Ĝenerala Sekretario de Unuiĝintaj Nacioj, al la 84-a U.K. de Esperanto

Kun plezuro mi sendas bondezirojn al la 84a Universala Kongreso de Esperanto. Vi kunvenas je la fino de tumulta jarcento, kiu atestis je la pintoj kaj la abismoj de la homaj kapabloj. Multaj mondaj evoluoj rajtas ankoraŭ nin dubigi kaj maltrankviligi. En unu regiono disvastiĝas paco, en alia ekfuriozas genocido. Senegala lukso apudas teruran malriĉon - la staton, en kiu restas kaptita kvarono de la monda loĝantaro. Tutmondiĝo nin enretigas ĉiam pli dense, dum maltolero nin plu disigas. Ĉiu progreso estas necerta; la defioj, kiujn ni frontas, fariĝas ĉiam pli kompleksaj.

Hodiaŭ la monda tagordo postulas de la ŝtatoj novajn ideojn, novajn rimedojn, novajn politikajn engaĝojn. Pli kaj pli ofte montriĝas, ke la problemoj komunas. Inter la minacoj troviĝas kelkaj bone videblaj: terorismo, pandemonioj, amasarmado. Aliaj insidas kaŝe: klimata ŝanĝo, narkotkomerco, la "lavado" de ŝtelita mono. Ĉiuj ignoras landlimojn; ili estas "problemoj sen pasportoj". Neniu lando sola kapablas ilin forbari. Tial ĉiu lando bezonas Unuiĝintajn Naciojn.

En tia ĉiam pli interplektita mondo, konstrui la pacon - kaj batali kontraŭ minacoj al la paco - postulas la partoprenon de ĉiu civitano kaj ĉiu lando. Diversmaniere kontribuas al tio la registaroj, neregistaraj organizoj, komercaj entreprenoj, akademiaj institucioj, sindikatoj, virinaj asocioj kaj multaj aliaj. En la lastaj jaroj, tiaj diversaj fortoj de la civila socio - la socio, en kiu neniu rajtas sola kaj senkontrole decidi pri komunaj aferoj - montris sin ĉiam pli aktivaj je la nacia kaj internacia skaloj. Tio estas tre pozitiva evoluo, ĉar ĝi helpas respondecigi la registarojn kaj instigas homojn al kundecidado pri temoj, kiuj rekte tuŝas iliajn vivojn.

Ĉe Unuiĝintaj Nacioj, ĉiuj ĉi kunrolantoj povas kuniĝi en komuna klopodo: por ekologia sekureco, por homaj rajtoj, por justeco, kaj tiel plu. UN daŭre prezentas malfermitan pordon al vivinda estonteco, praktikan forumon por la efika kunsolvado de mondaj problemoj, surbaze de la universalaj idealoj listigitaj en la ĉarto. Kiel instruas afrika proverbo, "La Teron ni ne posedas, sed prizorgas por la posteuloj". Je ĉi tiu historia momento, plena de esperigaj ebloj, mi dediĉis min al la konstruado de nova fundamento el paco, progreso kaj evoluo, en la kadro kaj per la helpo de Unuiĝintaj Nacioj. Tian devon, al la nuntempo kaj la estonto, nun frontas ni ĉiuj. En tiu spirito, mi deziras al vi plenan sukceson.

## Mensaje de saludo de Kofi Annán

### Secretario General de Naciones Unidas al 84 Congreso Universal de Esperanto

Con placer envío mis buenos deseos al 84° Congreso Universal de Esperanto. Vds. se reúnen al final de un tumultuoso siglo, que atestigua las cimas y los abismos de las capacidades humanas. Muchas evoluciones mundiales nos autorizan a dudar y a intranquilizarnos. En una región se propaga la paz, en otra comienza un furioso genocidio. Un incomparable lujo junto a una terrible pobreza -el estado en que se encuentra cautiva la cuarta parte de la población del mundo. La mundialización nos enreda cada vez más densamente, mientras la intolerancia nos separa más. Todo progreso es incierto; los desafíos que afrontamos se hacen cada vez más complejos.

Hoy el orden del día mundial exige de las naciones nuevas ideas, nuevos recursos, nuevos compromisos políticos. Más y más frecuentemente se demuestra que los problemas son comunes. Entre las amenazas hay algunas bien visibles: terrorismo, tumultos, armamentismo. Otros insidian ocultamente: cambio climático, narcotráfico, lavado de dinero negro, todos ignoran las fronteras; son "problemas sin pasaporte". Ningún país aislado es capaz de eliminarlos. Por eso cada país necesita a las Naciones Unidas.

En este mundo cada vez más interrelacionado, construir la paz -y luchar contra las amenazas a la paz- exige la participación de cada ciudadano y cada país. De diversas formas contribuyen a eso los gobiernos, las organizaciones no-gubernamentales, empresas comerciales, instituciones académicas, sindicatos, asociaciones de mujeres y muchas otras. En los últimos años, tan diversas fuerzas de la sociedad civil- la sociedad, en la cual nadie tiene derecho a decidir aisladamente y sin control sobre asuntos comunes- se muestran cada vez más activas a escala nacional e internacional. Esto es una evolución muy positiva, porque ello ayuda a responsabilizar a los gobiernos e instiga a los hombres a la codecisión en temas que conciernen directamente a sus vidas.

En las Naciones Unidas, todos estos cooperantes pueden unirse en un esfuerzo común: por la seguridad ecológica, los derechos humanos, la justicia, etc. La ONU continuamente mantiene una puerta abierta a un futuro digno de vivirse, un foro práctico para la eficaz solución de problemas mundiales, sobre la base de los ideales universales enumerados en la "carta".

Como enseña un proverbio africano ,"No poseemos la Tierra, pero la cuidamos para los descendientes". En este momento histórico, lleno de esperanzadas posibilidades, yo me dediqué a la construcción de un nuevo fundamento de paz, progreso y evolución, en el marco y con la ayuda de la ONU. Tal obligación, para con el presente y el futuro, afrontamos ahora todos nosotros. En este espíritu, yo les deseo un pleno éxito.

## Salutmesaĝo de Federico Mayor,

### Ĝenerala Direktoro de UNESKO, al la 84a Universala Kongreso de Esperanto

Kun granda plezuro mi sendas bondezirojn al la partoprenantoj en la 84-a Universala Kongreso de Esperanto. Via kongreso pritraktos la problemojn de tutmondiĝo, paco kaj lingva diverseco. Tiuj temoj ja centre rolas en la programo de UNESKO, kaj ne eblas trotaksi ilian gravecon en la ĉiutaga vivo de homoj tra la tuta mondo.

Starigante la demandon, "Tutmondiĝo: ŝancoj por paco?", via kongreso enfokusigas du aktualajn aspektojn de la homa kunpensado kaj kunagado. Unue, temas pri la eterna problemo de ĉiuj civilizacioj kiel certigi la pacon; due, temas pri reganta socia evoluo fine de la 20a jarcento, nome tutmondiĝo. Pro tio, ke paco, evoluo, kaj demokratio formas nedisigeblan triangulon, necesas konsideri, kiel demokratio rilatas al tutmondiĝo, kaj kiel tutmondiĝo influas la socian evoluon ĝenerale kaj precipe la kulturan evoluon.

Kiel sian mision UNESKO alprenis la celon, "konstrui la defendojn de la paco" en la mensoj de ĉiuj homoj. Ĝuste tial, nia Organizo direktas sian agadon al la konstruado de kulturo de la paco. Tiucele ni fondis la projekton LINGUAPAX, kun la devizo "Paco per la lingvoj". Per plurlingva edukado kaj la subteno de lingva kaj kultura diverseco, ĝi celas fortigi la kredon kaj volon je paco inter la lernantoj.

Interparolante, homoj lernas kompreni unu la alian kaj praktiki la moralan solidarecon, sur kiu baziĝas ĉiu vera integriĝo. En tia aliro efektive kuniĝas la idealoj de d-ro Esperanto kaj tiuj de UNESKO. Ni dividas vizion pri vera tutmondeco, preter la tre limigita tutmondiĝo ekonomia de la merkatoj. Niajn esperojn pri la estiĝo de tutmonda homa komunumo ni bazas sur la plej altaj valoroj de la homa kulturo, tiu transcenda elmontro de la homa spirito. Pro tio, ke kulturon oni esprimas unuavice lingve, interkompreniĝo per la reciproka studado de lingvoj daŭre konsidereblas kiel unu el la plej bonaj rimedoj por kunkonstrui kulturon de la paco.

Ni renovigu niajn strebojn por certigi, ke la tutmondiĝo inkluzivu ankaŭ tiun ĉi dimension: senkondiĉan respekton al kultura kaj lingva diverseco. Se ni sukcesos ĉi-rilate, tio siavice naskos novajn ŝancojn por plifortigi la pacon kaj plibonigi homajn vivojn.

Mi deziras al vi sukceson en ĉi tiu lasta kongreso de la jarcento, kaj atendas kun intereso la raporton pri viaj diskutoj.

## Mensaje de saludo de Federico Mayor

### Director General de UNESCO al 84º Congreso Universal de Esperanto

Con gran placer expreso mis buenos deseos a los participantes en el 84º Congreso Universal de Esperanto. Vuestro congreso tratará los problemas de la mundialización, la paz y la diversidad lingüística. Esos temas en verdad son el rol central en el programa de la UNESCO, y nunca se tasará en demasía su importancia en la vida diaria de los hombres en todo el mundo.

Estableciendo la pregunta, "¿Mundialización; bazas para la paz?" vuestro congreso enfoca dos aspectos actuales del pensamiento y la colaboración humanos. Primero trata del eterno problema de todas las civilizaciones cómo asegurar la paz; en segundo lugar, trata de la evolución social que rige al final del siglo XX, la mundialización. Ya que la paz, el desarrollo y la democracia forman un inseparable triángulo, es necesario considerar, cómo la democracia se relaciona con la mundialización, y cómo la mundialización influye en el desarrollo social general y principalmente el desarrollo cultural.

Como misión suya, la UNESCO asumió el objetivo de "construir las defensas de la paz" en las mentes de todos los hombres, justamente por eso, nuestra Organización dirige su acción a la construcción de la cultura de la paz. A este fin fundamos el proyecto LINGUAPAX, con la divisa "Paz por medio de las lenguas". Por medio de la educación plur-lingüística y el sostén de la diversidad lingüística y cultural, tiende a reforzar la creencia y voluntad de paz entre los alumnos.

Conversando, los hombres aprenden a comprenderse uno al otro y practicar la solidaridad moral, sobre la cual se basa toda verdadera integración. En tal camino efectivamente se unen los ideales del Dr. Esperanto y los de UNESCO. Compartimos la visión de la verdadera mundialidad, más allá de la muy limitada mundialización económica de los mercados. Nuestras esperanzas acerca de la creación de la comunidad humana mundial la basamos sobre los más altos valores de la cultura humana, esa transcendental exposición del espíritu humano. Puesto que la cultura se expresa en primer lugar lingüísticamente, la inter-comprensión por medio del recíproco estudio de lenguas, continúa siendo posible considerarlo como uno de los mejores remedios para construir la cultura de la paz.

Renovemos nuestros afanes para asegurar, que la mundialización incluya también esta dimensión: incondicional respeto a la diversidad cultural y lingüística. Si logramos éxito a este respecto, eso a su vez hará nacer nuevas oportunidades para reforzar la paz y mejorar la vida humana.

Les deseo éxito en este último congreso del siglo, y espero con interés el reportaje de sus discusiones.

## Hej, ĉu vi parolas Esperanton en via familio?

Tiel estis demando de ĵurnalisto dum la gazetara konferenco, okazinta la 29an de julio en la urbodomo de Berlino, organizita de Germana Esperanto-Asocio.
Frank Stocker, prezidanto de Germana Esperanto-Asocio, Marko Naoki Lins, prezidanto de Germana Esperanto-Junularo, Fritz Wollenberg, LKK-ano kaj prezidanto de Esperanto-Ligo Berlino, kaj Kokou Sagbadjelou, prezidanto de Unuigo Togolanda por Esperanto, prezentis al 25 ĵurnalistoj, venintaj de radio-, televid- kaj preskomunikiloj, Esperanton generale, la kongreson kaj ĝian programon, la praktikajn uzeblecojn, la aktivaĵojn en Berlino kaj en Togolando. Al la supre menciita demando s-ro Sagbadjelou povis verve respondi jese. Alia ofte starigita demando kompreneble estis la "konkurenca" rolo de la angla kiel universala lingvo.
Post la konferenco en tre agrabla etoso eblis - enmane sandvicoj, kafo kaj mikrofono- respondi dum interpersonaj intervjuetoj pli profunde al gazetaraj demandoj.
La gazetara konferenco estis tamen nur kulmina okazaĵo de plurmonata publikrilata laboro flanke de GEA kaj de berlinaj esperantistoj. Jam ekde aprilo GEA informis la gazetaron per diversaj novaĵoj. Sekve en kvazaŭ ĉiuj berlinaj gazetoj aperis jam tre pozitivaj artikoloj kaj ankaŭ en multaj tutgermanaj ĵurnaloj aperis jam artikoloj, kiel ekzemple en la tre renoma germana politikrevuo DER SPIEGEL. Plie GEA centre organizas specialan gazetaran servon: ĝi dissendis individuan informon al ĉiuj gazetoj en Germanio, el kies regiono venos Esperantistoj al Berlino. Estis entute ĉirkaŭ 200 diversaj informoj kaj la reeĥo estis bonega. Dum la kongreso aperos certe ankoraŭ pluraj radio- kaj gazetokontribuoj. Anonciĝis al la solena inaŭguro ankaŭ la unua germana televidkanalo ARD.

## ¡Eh!, ¿Hablan ustedes Esperanto en familia?

Así fue la pregunta de un periodista durante la conferencia de prensa, que tuvo lugar el 29 de julio en el ayuntamiento de Berlín, organizada por la GEA (Asociación Alemana de Esperanto).
Frank Stocker, presidente de GEA; Marko Naoki Lins, presidente de GEJ (Juventud Alemana Esperantista); Fritz Wollenberg, comisario local del congreso y presidente de ELB (Liga Esperantista de Berlín) y Kokou Sagbadjelou, presidente de UTE (Unidad Togolesa para Esperanto), presentaron a 25 periodistas, venidos de la radio-televisión y prensa, el Esperanto en general, el congreso y su programa, las posibilidades practicas de uso, las actividades en Berlín y en Togo. A la arriba mencionada pregunta el Sr. Sagbadjelou pudo responder verbalmente afirmativamente. Otra pregunta frecuentemente formulada fue naturalmente el papel competidor del inglés, como lengua universal.
Después de la conferencia, en muy un ambiente agradable, -bocadillos, café y micrófono en mano- fue posible responder durante intervius personales más profundamente a preguntas de la prensa.
Sin embargo la conferencia de prensa fue sólo un suceso casual que culminó la labor de varios meses de relaciones públicas, por parte de GEA y de esperantistas berlineses. Ya desde abril GEA informó a los periódicos por medio de diversas noticias. Seguidamente, en casi todos los periódicos berlineses ya aparecieron artículos muy positivos y también en muchos periódicos de toda Alemania aparecieron, sin mas, artículos, como por ejemplo, en la muy renombrada revista alemana de política DER SPIEGEL. Además GEA organizó un servicio central especial de prensa: transmitió informes individuales a todos los periódicos de Alemania, desde cuya región vendrían Esperantistas a Berlín. Fueron en total alrededor de 200 informes diversos y el eco fue buenísimo. Durante el congreso aparecerían aún varias contribuciones de prensa y radio. Se anunció también la asistencia a la solemne inauguración, del primer canal de la televisión alemana ARD.

# Ekumena Diservo

Pli ol 600 homoj partoprenis la "feston de dankemaj homoj" dimanĉe en la historie grava preĝejo "Sankt Marien". Elstaris kontribuo de ĥoro el Munkeno kun meso komponita originale en Esperanto. La Diservon gvidis pastroj el pluraj nacioj. Memorigante pri mallumaj punktoj de la milita kaj postmilita historio, predikis elokvente A.Burkhardt pri la temo elektita de Berlinanoj: malgraŭ elreviĝoj dankemo pri ĉiuj ebloj.

# Servicio religioso ecuménico

Más de 600 personas participaron en la "fiesta de los agradecidos" el domingo en el históricamente importante templo de "Sankt Marien". Destacó la contribución del coro de Munich con una misa compuesta originalmente en Esperanto. Dirigieron la ceremonia sacerdotes de varias naciones. Recordando los puntos oscuros de la historia de la guerra y la posguerra, predicó elocuentemente A.Burkhardt sobre el tema elegido por los berlineses: a pesar de los desengaños agradecimiento por todas las posibilidades.






# Tutmondiĝo ĉu por ĉiuj?

Paco ĉiam estis la ĉefa deziro de la homoj. Eblus dum horoj citi himnojn kaj artverkojn kiuj preĝas por ĝi. Pacon ni sopiras, ĉar ni scias ke malpaco naskas perforton, kiu ĉiam estingas homajn vivojn. Malgraŭ tiu praa sopiro la homaro fakte neniam ĝuis plenan pacon. Malpaco kaj milito ĉiam ekflamis tie kaj tie. Tamen, hom-etologoj asertas ke homo biologie estas inter la plej toleremaj vivuloj: ĝi kapablas pli sukcese dividi vivareon kun siaj samspecianoj ol la plej multaj aliaj vivuloj. Malpacojn kaj militojn inter homoj generas ne biologie determinitaj instinktoj, sed enradikiĝintaj kulturaj stereotipoj. El tio sekvas ke atingi pacon ne estas maleble, kvankam -la spertoj instruas nin pri tio- malfacilege.

Nia kongresa ĉeftemo serĉas respondon al la demando "Tutmondiĝo - ĉu ŝanco por paco?". Unue, estos utile iom ekzameni: kion entute ni komprenu sub *tutmondiĝo?*

Tutmondiĝo estas inter la plej diskutataj konceptoj nunaj. Oni plej malsame sintenas al ĝi, ĉefe pro ĝia multfaceteco, i.a. ekonomia (emfaze: financa), ekologia, psikologia, kultura, komunikada kaj, ne laste, politika. Por diversaj homoj tiu aŭ alia faceto povas ŝajni pli esenca, kaj onia opinio pri tutmondiĝo entute povas esti difinita de la rilato al tiu faceto.

## Kapturna ritmo

Tutmondiĝo estas plurjarmila procezo seninterrompa, kies ritmo daŭre akceligis: dum la lastaj jardekoj ĝi atingis neniam spertitan, kapturnan rapidecon. La nuna generacio devus en jardeko digesti pli grandan dozon da konsekvencoj de tutmondiĝo ol pli frue deko da generacioj kune.

La komenco de la tutmondiĝa procezo estis tiu momento kiam du triboj de prahomoj unue kontaktigis -ĉu pace ĉu milite- kaj komencis efiki unu al la alia. Tiu efikado certe estis reciproka, sed tute certe ne ekvilibra. Nome, tiu

# Mundialización ¿para todos?

La paz siempre fue el principal deseo de los hombres. Se podrían citar durante horas himnos y obras de arte que oran por ella. Suspiramos por la paz, pues sabemos que su falta origina violencia, que siempre destruye vidas humanas. A pesar de esa antigua aspiración la humanidad prácticamente nunca disfrutó de plena paz. Discordias y guerras se encendieron siempre aquí y allí. Sin embargo, los especialistas de etología humana aseguran que el hombre biológicamente se encuentra entre los seres más tolerantes: es capaz de dividir con más éxito su espacio vital con sus semejantes que la mayoría de los demás seres vivos. Las discordias y las guerras entre los humanos las genera no unos instintos biológicamente determinados, sino unos estereotipos culturales enraizados. De eso se deduce que alcanzar la paz no es imposible, aunque sí -los espertos nos enseñan eso- muy difícil.

Nuestro principal tema congresual busca una respuesta a la pregunta "Mundialización - ¿una baza para la paz?". Primero, será útil considerar: qué comprendemos, en definitiva, por *mundialización?*

La mundialización se encuentra entre los actuales conceptos más discutidos. Los posicionamientos respecto a ella son de lo más diferentes, principalmente por sus múltiples facetas, entre otras, la económica (con énfasis en lo financiero), la ecológica, la psicológica, la cultural, la que se refiere a las comunicaciones y, aunque no finalmente, la política. Para algunas personas una u otra faceta puede parecer más esencial, y su opinión sobre la mundialización puede ser totalmente definida en función de esa faceta.

## Un ritmo enloquecedor

La mundialización es un ininterrumpido proceso de varios miles milenios, cuyo ritmo se aceleró sin cesar: durante las últimas décadas alcanzó una rapidez enloquecedora nunca antes experimentada. La generación actual debería digerir en una década una dosis mayor de consecuencias de la mundialización que toda una decena de generaciones anteriores juntas.

El comienzo del proceso de mundialización fue cuando dos tribus primitivas por primera vez establecieron contacto -sea pacífica o bélicamente- y comenzaron a influir la una sobre la otra. Esa influencia ciertamente sería recíproca, pero seguro

tribo kies anoj fajlis pli efikajn ilojn kaj provizis sin pli abunde per nutraĵoj, elradiis pli multe da efiko. En la historio ĉiam tiuj homgrupoj pli forte influis la aliajn kiuj pli kreskigis la efikecon de la homa laboro cele al materia bonfarto.

Tiu tendenco bone konstateblas jam ĉe la Romia Imperio, la plej frua klare videbla etapo de la tutmondigo. Ĝia formiĝo kaj daŭra kresko ŝuldiĝas al tio ke romianoj fruktuzis kaj pluevoluigis el la sciaro heredita de la grekoj la elementojn per kiuj povis plialtiĝi la materia nivelo de la homa vivo.

La disfalon de la Romia Imperio sekvis kontinua, silenta evoluo. Ne kreiĝis nova granda imperio, sed la tiamajn eŭropajn ŝtatojn signife unuecigis komuna ideologio de la katolika eklezio, komuna skribsistemo kaj la latina lingvo. En la 15-a jc. maturiĝis la fruktoj de tiu evoluo: en la epoko de la geografiaj malkovroj la monda komerco etendis sian sferon, kaj, per ekesto de kolonioj, Eŭropo ekinfluis teritoriojn multoble pli grandajn ol ĝi mem.

**Tutmondiĝo kun vekrioj**

La procezo de tutmondiĝo ĝis la komenco de la 20-a jarcento disvolviĝis el Eŭropo - tio estis la koloniado. Ĝin abunde akompanis sango kaj vekrioj, suferoj kaj genocidoj, sed samtempe la ĉefaj elementoj de la eŭropa civilizo ekradikis en la koloniitaj teritorioj. Dum nur kelkaj jarcentoj eŭropaj ŝtatoj etendis sian potencon praktike al la tuta terglobo. La konkeritaj teritorioj kaj loĝantaroj estis kruele ekspluatataj; kelkloke, post plena ekstermo de la lokaj indiĝenoj, la ekloĝintaj eŭropaj enmigrintoj formis iom post iom proprajn ŝtatojn, unue iel ligitajn al la eŭropa kolonia potenco, sed tiuj ligoj iom post iom tute disŝiriĝis.

Unu el tiuj ŝtatoj estis Usono, fondita fine de la 18-a jarcento. Ĝi meritas atenton ĉar dum apenaŭ jarcento kaj duono ĝi trakuris vojon tiel brilan ke ĝi iĝis la plej riĉa kaj forta, unuvorte la plej sukcesa lando de la mondo. Jam de 50-70 jaroj la tutmondiĝa procezo disradias al la terglobo el tiu lando.

Tutan bibliotekon plenigus la erudiciaj analizoj pri la usona miraklo. Ĉi tie mi menciu nur la plej esencan komponanton: la efikegan organizadon de la homa laborado. La kreintoj de tiu lando konscie forbalais la balastajn tradi-

que no equlibrada. O sea, la tribu cuyos miembros tallaron unos instrumentos más eficaces y se aprovisionaron más abundantemente de alimentos, se expandió más eficazmente. En la historia siempre aquellos grupos humanos que más fuertemente influyeron sobre los otros fueron los que más habían aumentado la eficacia del trabajo humano procurando el bienestar material.

Esa tendencia se puede constatar bien ya en el Imperio Romano, la etapa más temprana claramente visible de la mundializaci ón. Su formaci ón y constante crecimiento de debe a que los romanos usaron con provecho y desarrollaron del conocimiento heredado de los griegos aquellos elementos por los cuales pudieron aumentar el nivel material de la vida humana.

A la caída del Imperio Romano siguió una contínua y silenciosa evolució n. No se creó un nuevo gran imperio, pero a los Estados europeos de entonces unificaba significativamente la ideolog ía comú n de la iglesia católica, un sistema de escritura comú n y la lengua latina. En el siglo XV maduraron los frutos de esa evolució n: en la época de los descubimientos geográficos el comercio mundial extendi ó su esfera, y, por la creación de colonias, Europa empezó a influir sobre territorios muchas veces más grandes que ella misma.

**Mundializació n con ayes**

El proceso de mundializaci ón hasta el comienzo del siglo XX se desarroll ó desde Europa - eso fue la colonizaci ón. Fue muy acompa ñado por sangre y ayes, sufrimientos y genocidios, pero a la vez los principales elementos de la civilizaci ón europea se expandieron en los territorios colonizados. Durante sólo algunos siglos unos Estados europeos extendieron su potencia prácticamente a todo el globo. Los territorios conquistados y las poblaciones fueron cruelmente explotados; en algunos lugares, tras el exterminio total de los indígenas locales, los emigrantes europeos establecidos formaron poco a poco unos Estados propios, primero ligados de alguna mnera a la potencia colonial europea, pero esos lazos poco a poco se rompieron totalmente.

Uno de esos Estados fue EE.UU., fundado a finales del siglo XVIII. Merece atenció n pues en apenas un siglo y medio recorrió un camino tan brillante que se hizo el país más rico y fuerte, en una palabra el más exitoso del mundo. Ya desde hace 50 a 70 años el proceso de mundializació n se expande a todo el globo desde ese país.

Se llenar ía una biblioteca completa con análisis eruditos acerca del milagro norteamericano. Mencionemos aquí solamente el componente más esencial: la eficacísima organizació n del trabajo humano. Los creadores de ese país barrieron conscientemente el lastre de las tradiciones, y comenzaron a construir su sociedad y Estado desde




**RIZO KUN SEKVINBEROJ**

Ingrediencoj:
180 g. da rizo
1/2 l. da akvo
pinĉo da cinamo
1/4 tekulereto da kurkumo
salo laŭ gusto
iomete da raspita citronŝelo
100 g. da sekvinberetoj
45 g. da butero
sukero laŭ gusto

Preparado:

Lavu bone la rizon, metu ĝin en kaserolon kune kun la cinamo, kurkumo, salo kaj la akvo. Kuiru kaj kiuretu ĝin dum 15 minutoj, kirlante ĝin de tempo al tempo. Aldonu la sekvinberetojn, la raspitan citronŝelon kaj kuiretu ĝin dum 20 minutoj aŭ ĝis kiam la rizo estu mola. Aldonu la buteron kaj sukeron kaj kuiretu ĝin ankoraŭ dum 1 minuto. Kaj poste ... bonan apetiton!

***ARROZ CON PASAS***

***Ingredientes:***
***180 g. de arroz***
***1/2 l. de agua***
***pizca de canela***
***1/4 de cucharadita de te, de cúrcuma***
***sal al gusto***
***un poco de cascara de limón raspada***
***100 g. de pasas pequeñas***
***45 g. de manteca***
***azúcar al gusto***

***Preparación***

***Lave bien el arroz, póngalo en una cacerola junto con la canela, la cúrcuma, la sal y el agua y cuezalo durante 15 minutos removiendo de tiempo en tiempo. Añada las pasas, las raspaduras del limón y continúe cocinando a fuego lento durante 20 minutos o hasta que el arroz este blando. Añada la manteca y el azúcar y cocine aún durante 1 minuto más. Y después ... buen provecho!***

# LUDKARTOJ



Dum la dua mondmilito estis grupo da soldatoj, kiuj ĵus finis kelktagan marŝadon. Kelkaj el ili iris sekvonttage, dimanĉe, al la preĝejo. Kun ĉiuj el ili, krom unu, estis Biblio. Dum la diservo, tiu sen Biblio elprenis kompleton da ludkartoj. Kiam oficiro ekvidis tion, li ordonis al la soldato remeti la pakon en sian poŝon. Kiam finiĝis la diservo, la soldato ricevis ordonon prezenti sin antaŭ la ĉefoficiro.

La reago de la ĉefoficiro estis:"Se vi ne havas tre bonan kialon por agi tiel maldece, vi ricevos vian merititan punon, do, donu klarigon pri via konduto".

La soldato klarigis, ke li ne edukiĝis en kristana familio kaj tial li ne posedis Biblion. Tamen, lastatempe li ekkonis la Sinjoron Jesuon kaj decidis, ke kiam li sukcesos ŝpari sufiĉe da mono, li aĉetos al si Biblion. Intertempe li devis uzi ludkartojn, ĉar ili helpis al li adoradi.

Ordonis la oficiro, ke li klarigu, kaj tion la soldato penis fari.

« Nu, li diris, la karto kun **unu** emblemo memorigas al mi, ke estas nur unu Dio. **Du** emblemoj memorigas al mi, ke la Biblio estas dividita en du partojn, la malnovan kaj la novan Testamentojn. Numero **tri** pensigas min pri la Patro, la Filo kaj la Sankta Spirito. Numero **kvar** kondukas min al memoro pri la kvar Evangelioj; de Mateo, Marko, Luko kaj Johano. Numero **kvin** memorigas al mi pri la dek virgulinoj -kvin saĝaj kaj kvin malsaĝaj-. Dio kreis la mondon dum **ses** tagoj kaj ripozis dum la **sepa** tago.

Noa kaj lia familio -**ok** entute- saviĝis de la inundo. Jesuo resanigis dek leprulojn -sed nur unu revenis por danki-, kaj **naŭ** ne faris tion. Kompreneble numero **dek** memorigas al mi pri la Dek Ordonoj. La bildo de **reĝo** memorigas al mi, ke estas nur unu Reĝo. La **Reĝino** estas Maria, la Patrino de Jesuo, kaj la **nano**, kompreneble, estas la diablo.

La sumo de la emblemoj sur la kartoj estas **365** , la nombro de tagoj en jaro.

# JUEGO DE NAIPES



Durante la segunda guerra mundial había un grupo de sodados, que acababan de finalizar una marcha de varios días. Algunos de ellos fueron al día siguiente, domingo, a la iglesia. Todos ellos, excepto uno, tenían Biblia. Durante el servicio divino, el que no tenía Biblia sacó una baraja completa de naipes. Cuando un oficial vislumbró aquello, ordenó al soldado volver a meter el paquete en el bolsillo. Cuando acabó el servicio divino, el soldado recibió orden de presentarse ante el oficial-jefe.

La reacción del oficial-jefe fue:"Si usted no tiene un buen motivo para obrar tan indecentemente, recibirá su merecido castigo, por consiguiente, déme una explicación de su conducta".

El soldado explicó, que él no fue educado en una familia cristiana y por tanto no poseía una Biblia. Sin embargo, últimamente él empezó a conocer al Señor Jesús y decidió, que cuando lograra ahorrar suficiente dinero, compraría una Biblia. Entre tanto tenía que usar los naipes, porque ellos le ayudaban a adorar.

Ordenó el oficial, que le aclarara eso, y el soldado procuró hacerlo.

«Pues bien, dijo, el naipe con **un** palo me recuerda, que hay sólo un Dios. **Dos** palos me recuerdan, que la Biblia está dividida en dos partes, el antiguo y el nuevo Testamento. El número **tres** me hace pensar acerca del Padre, el Hijo y el Espíritu Santo. El número **cuatro** me conduce a recordar los Evangelios; de Mateo, Marcos, Lucas y Juan. El número **cinco** me recuerda a las diez vírgenes -cinco prudentes y cinco insensatas-. Dios creó el mundo en **seis** dias y el **séptimo** descansó.

Noé y su familia -**ocho** en total- se salvaron del diluvio. Jesús curó a diez leprosos -pero sólo uno volvió para dar gracias-, y **nueve** no lo hicieron. Naturalmente el numero **diez** me recuerda los Diez Mandamientos. La figura del **rey** me recuerda, que hay un solo Rey. La **reina** es María, la madre de Jesús, y el **enano** (comodín), naturalmente es el diablo.

La suma de los palos sobre los naipes son **365**, el número de días de un año.

· 52 kartoj estas la nombro de semajnoj en jaro. Estas **kvar** emblemo-specoj en ĉiu kompleto da kartoj, kvar semajnoj en monato kaj ankaŭ kvar sezonoj en la jaro. Fine, estas **dekdu** kartoj kun bildoj sur ili, la nombro da monatoj en jaro, kaj tiel, sinjoro, kvankam mi ne posedas Biblion, la kartoj helpas al mi pensi pri ĝia enhavo».

La ĉefoficiro ne havis ion por diri, kaj ĉar li mem neniam kalkulis ĉiujn emblemojn en tuta kartaro, la juna soldato restis sen puno.

*el "Kristana Alvoko", majo 1995.*

**52** naipes es el mismo número de semanas de un año. Hay **cuatro** especies de palos en cada baraja de naipes, cuatro semanas en el mes y cuatro estaciones en el año. Finalmente, hay **doce** naipes con figuras sobre ellos, el número de meses de un año, y así señor, aunque yo no poseo una Biblia, los naipes me ayudan a pensar en su contenido».

El oficial-jefe no tuvo nada que decir, porque él mismo nunca calculó todas las figuras en una baraja de naipes, y el joven soldado quedó sin castigo.

*de "Kristana Alvoko" , mayo 1995.*

**85-a Universala Kongreso de Esperanto**
**Tel-Avivo, Israelo**
**25 julio - 1 aŭgusto 2000**

**85 Congreso Universal de Esperanto**
**Tel-Aviv, Israel**
**25 julio - 1 agosto 2000**



# Bonvenon al Tel-Avivo!

**La lando**

Israelo ofertas preskaŭ senliman gamon de allogaĵoj por vizitantoj el la tuta mondo kaj por la kredantoj de pluraj religioj. Ĝia historio etendiĝas tra 4000 jaroj, dum kiuj la bibliaj rakontoj ofte miksiĝas kun la pejzaĝoj kaj urboj videblaj ankaŭ nuntempe. La plej elstara el tiuj estas Jerusalemo, antikva kaj moderna metropolo, kie oriento kaj okcidento renkontiĝas, antikveco miksiĝas kun moderneco. Vizito al Jerusalemo, sankta urbo al la mondaj monoteismaj religioj -judaismo, kristanismo kaj islamo- estas malkovro de la arkitekturoj de grandaj imperioj, esploro de sanktejoj de grandaj religioj, trovo de antikvaĵoj kaj historiaj restaĵoj, atestantaj pri ĝia granda heredaĵo.

La vizitantoj de Israelo povas sekvi la piedsignojn de Abrahamo, Jesuo, Saladino, Rikardo Leonkoro, Napoleono, kaj tiom da aliaj herooj de la pasinteco, kies nomoj kaj spiritoj ekscitas la imagon; ili povas naĝi en la Lago de Galileo, ĝui la ravan belecon de la ĝardenoj en la Bahaa Monda Centro en Hajfa, admiri la fortikaĵon de Masado, flosi en la plej malalta loko de la mondo sur la akvo de la Morta Maro, kaj spekti la subakvan paradizon de la Ruga Maro en Ejlat.

La moderna Israelo ofertas ankaŭ alispecajn fascinan trajtojn; la kibuco, unika israela kontribuo al komunuma vivado; internaciaj vivoplenaj urboj kaj belaj, tre variaj pejzaĝoj, altteknologiaj industrioj, universitatoj kaj esplorcentroj. Ĉio ĉi troviĝas en facile atingebla lando, kiu estas konvene kombinebla kun aliaj vojaĝoceloj.



*Jerusalem*

# ¡Bienvenidos a Tel-Aviv!

**El país**

Israel ofrece una gama casi ilimitada de atracciones para los visitantes de todo el mundo y para los creyentes de varias religiones. Su historia se extiende 4000 años, durante los cuales las narraciones bíblicas a menudo se mezclan con los paisajes y ciudades que se pueden ver todavía en la actualidad. La más destacada de ellas es Jerusalem, antigua y moderna metrópoli, donde oriente y occidente se encuentran, la antigüedad se mezcla con la modernidad. Una visita a Jerusalem, ciudad santa de las religiones monoteistas del mundo -judaismo, cristianismo e islam- es un descubrimiento de las arquitecturas de grandes imperios, búsqueda de santuarios de grandes religiones, encuentro de antigüedades y reliquias históricas, que acreditan su gran herencia.

Los visitantes de Israel pueden seguir las huellas de Abraham, Jesús, Saladino, Ricardo Corazón de León, Napoleón, y tantos otros héroes del pasado, cuyos nombres y espíritus excitan la imaginación; pueden nadar en el Lago de Galilea, disfrutar la encantadora belleza de los jardines en el Centro Bahaísta Mundial en Haifa, admirar la fortificación de Masada, flotar en el lugar más bajo del mundo sobre el agua del Mar Muerto, y ver el paraíso submarino del Mar Rojo en Eilat.

El Israel moderno ofrece también rasgos fascinantes de otro tipo; el kibutz, la única contribución israelí al modo de vida comunitario; ciudades internacionales bellas y llenas de vida, paisajes muy variados, industrias de alta tecnología, universidades y centros de investigación. Todo esto se encuentra en un país de fácil acceso, que se puede combinar convenientemente con otros objetivos de viaje.

**La urbo**

Tel-Avivo (oficiale: Tel-Aviv-Jafo), fondita en 1909, estas la plej moderna urbo de Israelo, hejmo de komerco, kulturo kaj distro, urbo vigla tage kaj nokte, kiu pravigas sian devizon "La senpaŭza urbo". Sed preter sia pulsanta ritmo kaj riĉa elekto de aktivadoj, Tel-Avivo estas feria metropolo, kun longaj, puraj, facile atingeblaj sablaj strandoj, marborda promenejo, jaĥt-haveneto kaj intensa gamo de marbordaj aktivadoj, kreitaj por kompletigi la ĝuon de la tepida maro, kiu ebligas naĝi, sunumi aŭ simple ripozi en la freŝa maraero dum la plejparto de la jaro.
La nokta vivo viglas en sennombraj drinkejoj, tavernoj, kafejoj, restoracioj, noktokluboj kaj dancejoj, multaj el kiuj malfermitaj ĝis la frumateno. Tel-Avivo estas ankaŭ aĉetemula paradizo, kie eblas trovi ĉiun varon importitan aŭ produktitan en Israelo. Ĉe Tel-Avivo troviĝas la antikva urbo Jafo, restaŭrita en 1953, kun siaj antikva haveno, pulbazaro, kaj granda vario de galerioj, memoraĵbutikoj, restoracioj kaj la artista kvartalo en la Malnova Urbo.

**La kongresejo**

La hotelo kaj kongrescentro Dan Panorama, ĉe la mediteranea marbordo, kun belegaj pejzagoj de la antikva Jafo kun ties pitoreska haveno en la sudo, la turisma marbordo de Tel-Avivo en la nordo, kaj la apudaj parko kaj nova komerca centro. En promen-distanco trovigas la Ŝalom-Turo kun sia observejo kaj la nova Opero-aĉetumejo. La hotela kongrescentro havas multajn restoraciojn, bufedojn kaj diversgrandajn salonojn, kaj kongresan salonegon kun 2000 lokoj. Krome ĝi havas naĝejon, plene ekipitan san- kaj sport-centron, saŭnon, ĵakuzion ktp.

*Esperanto-Ligo en Israelo invitas vin al Tel-Avivo. Kombinu kongresumadon kun turismado en nia unika, nov-malnova lando!*

**La ciudad**

Tel-Aviv (oficialmente: Tel-Aviv-Jaffa), fundada en el año 1909, es la ciudad más moderna de Israel, lugar de comercio, cultura y distracción, ciudad vivaz día y noche, que hace honor a su divisa "La ciudad sin pausa". Pero más allá de su vibrante ritmo y rica elección de actividades, Tel-Aviv es una metrópoli vacacional, con largas, puras y accesibles playas, paseo marítimo, pequeño puerto de yates y una intensa gama de actividades marítimas, creadas para completar el disfrute del tibio mar, donde se puede nadar, tomar el sol o simplemente reposar en el freco aire marítimo durante la mayor parte del año.
La vida nocturna anima en numerosos bares, tabernas, cafeterías, restaurantes, clubs nocturnos y salas de baile, muchos de los cuales permanecen abiertos hasta la madrugada. Tel-Aviv es también un paraíso para los compradores, donde es posible encontrar cualquier mercancía importada o producida en Israel. Junto a Tel-Avivo se encuentra la antigua ciudad de Jaffa, restaurada en 1953, con sus antiguos puerto, bazar, y gran variedad de galerías, tiendas de recuerdos, restaurantes y el barrio de los artistas en la Ciudad Vieja.

**El centro congresual**

El hotel y centro congresual Dan Panorama, situado junto a la costa mediterránea, con bellísimos paisajes de la antigua Jaffa con su pintoresco puerto al sur, la costa turística de Tel-Aviv al norte, y los próximos parques y nuevo centro comercial. En una distancia de paseo se encuentra la Torre-Ŝalom con su observatorio y las nuevas Galerías-Ópera. El hotel centro congresual tiene muchos restaurantes, bufetes y salones de diverso tamaño, y un gran salón congresual con 2000 plazas. Además tiene una piscina, un centro sanitario y deportivo plenamente equipado, sauna, yacusi, etc.

*La Liga Esperantista de Israel os invita a Tel-Aviv. Combinad la asistencia al congreso con turismo en nuestro país único, nuevo y viejo.*

# Aktivado de nia E-Grupo

Dum la plurjara silento de nia revuo, la Grupo de Esperanto, tamen, ne restis senfara. Ni plue dediĉiĝis al nia normala aktivado de esperantista rondo kiu volas kontribui, laŭ sia ebleco, al la disvastigado de la Internacia Lingvo.

**Astura Esperanto Asocio** ĉiujare faris kursojn de Esperanto, plejofte bazajn kursojn, sed foje ankaŭ perfektigan kurson por tiuj gelernantoj kiuj jam estis partoprenintaj unuan kurson.

Malfeliĉe, en nia epoko nur tre malmultaj personoj interesiĝas pri la lingva solvo kiun konstituas Esperanto por alfronti la problemon de la multlingveco de nia planedo en la nuna procezo de tutmondiĝo. La avantaĝoj de Esperanto, rilate al aliaj solvoj kiujn oni aplikas kun la potenca helpo de la superregantaj fortoj de nia mondo, estas evidentaj sed por tiuj kiuj konsentas kontaktiĝi kun la I.Lingvo kaj ties lernado.

Pri la eksterordinara facileco de Esperanto povas atesti niaj gelernantoj kaj ĉiuj geesperantistoj en la mondo. Foje nia E-grupo ricevas viziton de fremdaj samideanoj. La fotoj sur tiu ĉi paĝo rememoras vizitojn de fremdaj esperantistinoj okazintaj laŭlonge de la nun finiĝanta jaro 1999. Estis ankaŭ vizitoj, dum la pasintaj jaroj, de esperantistoj de nia urbo al fremdaj gesamideanoj, ĉefe okaze de la Universalaj Kongresoj de Esperanto.





# Actividad de nuestro Grupo de Esperanto

Durante los años en que guardó silencio nuestra revista, el Grupo de Esperanto, sin embargo, no permaneció inactivo. Nos seguimos dedicando a nuestra actividad normal de círculo esperantista que quiere contribuir. en la medida de sus posibilidades, a la disfusión de la Lengua Internacional.

**La Asociación Asturiana Esperanto** organizó cada año cursos de Esperanto, cursos básicos la mayoría de las veces, pero también algún curso de perfeccionamiento para los alumnos que ya habían participado en el curso primero.

Por desgracia, actualmente no son muchas las personas que se interesan por la solución lingüística que representa el Esperanto para afrontar el problema de la diversidad de lenguas de nuestro planeta en el actual proceso de mundialización. Las ventajas del Esperanto, frente a otras soluciones apadrinadas por los grandes poderes de este mundo, son evidentes, pero sólo para quienes consienten contactar con la Lengua Internacional y su estudio.

Acerca de la extraordinaria facilidad del Esperanto pueden atestiguar nuestros alumnos y todos los esperantistas del mundo. A veces nuestro Grupo de Esperanto recibe la visita de colegas de otros países. Las fotos de esta página son recuerdos de visitas de algunas esperantistas que tuvieron lugar en el año 1999 que termina. También esperantistas de nuestra ciudad visitaron, durante los pasados años, a colegas extranjeros, principalmente con ocasión de los Congresos Universales de Esperanto.

Dum la tagoj 11a al 13a de marto de ĉi-jaro 1999 okazis en nia urbo Gijón la **1a Festo de la Lingvoj**. Temis pri iu aranĝo kiu celas promocii la praktikadon de la idiomoj kaj la renkontiĝo inter kulturoj.
Ĝi estis grava evento enkadrigita en Eŭrop-nivela programo celanta potencigi la dinamikan praktikadon de lingvoj kaj montri la riĉecon de la kulturaj diferencoj kaj diversecon, disvolvigante la akceptemon kaj la komunikkapablon de la civitanoj, samkiel reliefigi kaj altiri la publikan atenton pri diversaj kulturaj iloj utilaj por aliri al la scipovo de fremdaj lingvoj.
Evidentiĝas ke temas pri ia penado en la procezo de solvado de la lingva problemo en iu Eŭropo kiu antaŭenmarŝas al sia unuiĝo.
Nia urba E-Grupo konsideris ke ni devus partopreni en tiu Festo kun nia mesaĝo "ke ekzistas kaj bone funkcias efika solvo por alfronti la lingvo-diversecon de nia kontinento kaj de la mondo ĝenerale: **Esperanto**".
En nia stando en la festejo, kiu aperas en foto sur tiu ĉi paĝo, ni prezentis amplekssan kolekton de esperantista materialo: revuoj, ĵurnaloj, libroj...
Krome ni respondis al la demandoj de interesitaj personoj kaj disdonis inter la publiko ekzemplerojn de speciala broŝuro de **Hispana Esperanto Federacio** kaj de flugfolioj ellaboritaj de ni mem, per kiuj oni informas pri la taŭgeco de **Esperanto** en ĉiuj sferoj de la homa vivo.
Nia Esperanto-Grupo taksas tre utila tiun sperton ĉar ĝi estis por ni grava okazo propagandi pri la Internacia Lingvo **Esperanto**, kaj ni planas plu partopreni en sekvontjaraj okazaĵoj de tiu Festo.




Durante los días 11 al 13 de marzo de 1999 tuvo lugar en nuestra ciudad de Gijón la **1ª Fiesta de las Lenguas**. Se trata de una experiencia que pretende promover la práctica de los idiomas y el encuentro entre culturas.
Se trata de una iniciativa importante encuadrada en un programa a nivel europeo que pretende potenciar la práctica dinámica de los idiomas y mostrar la riqueza de las diferencias culturales y de la diversidad, desarrollando la capacidad de acogida y de comunicación de los ciudadanos, a la vez que poner de relieve y atraer la atención pública sobre diversos instrumentos culturales útiles para acceder al conocimiento y dominio de lenguas extranjeras.
Es evidente que se trata de un esfuerzo en el proceso de solución del problema lingüístico en una Europa que avanza a su unión.
El Grupo de Esperanto de nuestra ciudad consideró que debíamos participar en esa Fiesta con nuestro mensaje "que existe y funciona bien una solución eficaz para afrontar la diversidad lingüística de nuestro continente y del mundo en general: **Esperanto**".
En nuestro stand en el recinto de la fiesta, que aparece en la foto de esta página, presentamos una amplia colección de material esperantista: revistas, periódicos, libros...
Además respondimos a las preguntas de las personas interesadas y distribuímos entre el público ejemplares de un folleto especial de la **Federación Española de Esperanto** y de hojas volantes elaboradas por nosotros mismos, por las cuales se informa sobre la aptitud del **Esperanto** en todas las esferas de la vida humana.
Nuestro Grupo de Esperanto valora muy útil esa experiencia pues supuso para nosotros una ocasión importante para hacer propaganda sobre la Lengua Internacional **Esperanto**, y proyectamos seguir participando en las ediciones de esa Fiesta de los años siguientes.



Inter la interesaj personoj kun kiuj ni havis okazon kontakti dum la tagoj de la 1a Festo de la Lingvoj, estas speciale menciinda la kazo de Abelardo González, radioparolisto de RADIO SELE.
RADIO SELE estas iu radiostacio kiu dissendas laŭ modulita frekvenco sed kiu aspiras al pli potenca dissendkapablo, kiun povos atingi post ne longa tempo.
La dissendado de tiu radiostacio okazas, ĉefe, en la astura lingvo («bable»). Fakte, inter la celoj de RADIO SELE troviĝas la promociado de la astura lingvo kaj kulturo, kiu dum jarcentoj restis ne sufiĉe zorgita de la loĝantaro de tiu ĉi regiono. Oni povas diri ke tiu radiostacio troviĝas inter la asturiismaj instancoj kiuj volas labori por la rehavo de la kultura heredaĵo de nia regiono.
Unuavide povas ŝajni ke la celo de tiu radiostacio tute kontraŭas la celon de internacia lingvo kia Esperanto al kiu ni dediĉas nian atenton, nian intereson kaj nian laboron. Kaj tamen la afero tute ne estas tia; tiu estas eraro sufiĉe disvastigita. La defendo de la minacataj etnaj lingvoj kaj kulturoj tute ne kontraŭas la celon disvastigi internacian lingvon. Ambaŭ lingvoj -la etnismaj kaj la internacia- rolas en sia specifa tereno. Esperanto celas esti ponto inter la diversaj lingvo-parolantoj, kiuj plene rajtas konservi kaj defendi sian propran naciajn kaj etnismajn lingvojn. Menciinde estas ke Abelardo dissendas tra RADIO SELE ĉiumerkrede je la 19a horo, programon dediĉitan al Esperanto. En kelkaj sesioj de tiu programo intervenis membroj de la estraro de **Astura Esperanto Asocio** por diskonigi aferojn rilate al nia temo. Pere de tiuj radioelsendoj ni anoncis la kurson de Esperanto kiun ni estas organizantaj en Oviedo. La lasta el tiuj elsendaĵoj temis pri la esperantista festo kiun oni estis preparante tiam por la 19a de decembro en Avilés.







Entre las personas interesantes con quienes tuvimos ocasión de contactar durante los días de la 1ª Fiesta de las Lenguas, es digno de una mención especial el caso de Abelardo González, locutor de RADIO SELE.
RADIO SELE es una radioemisora que emite en frecuencia modulada pero que aspira a una potencia mayor de emisión, que podrá conseguir quizá pronto.
Las emisiones de esta radioestación tienen lugar, principalmente, en la lengua asturiana («bable»). De hecho, entre los objetivos de RADIO SELE se encuentra la promoción de la lengua y la cultura asturianas, que durante varios siglos no fueron suficientemente cuidadas por la población de esta región. Se puede decir que esa emisora se encuentra entre las instancias asturianistas que quieren trabajar por la recuperación de la herencia cultural de nuestra región.
A primera vista puede parecer que el objetivo de esa emisora va totalmente en contra del objetivo de una lengua internacional como el Esperanto al que dedicamos nuestra atención, nuestro interés nuestro trabajo. Y sin embargo el asunto no es así en absoluto; ese es un error muy difundido. La defensa de las lenguas y culturas étnicas amenazadas no contradice en absoluto al objetivo de difundir una lengua internacional. Ambas lenguas -las étnicas y la internacional- juegan su papel en su terreno específico. El Esperanto pretende ser un puente entre los hablantes de las diversas lenguas, que tienen pleno derecho a conservar y defender sus propias lenguas nacionales y étnicas. Es digno de mención que Abelardo emite a través de RADIO SELE todos los miércoles a las 7 h. de la tarde, un programa dedicado al Esperanto. En algunas sesiones de ese programa intervenimos membros de la directiva de la **Asociación Asturiana de Esperanto** para difundir cosas en relación a nuestro tema. Por medio de esas emisiones anunciamos el curso de Esperanto que estamos organizando en Oviedo. La última de esas emisiones trató sobre la fiesta esperantista que se estaba preparante entonces para el 19 de diciembre en Avilés.

La geesperantistoj en la tuta mondo festas ĉirkaŭ la 15a de decembro la naskiĝdaton de L.L.Zamenhof, kreinto de Esperanto. En Asturio, la du E-grupoj nuntempe ekzistantaj kuniĝas por tion festi en la dimanĉo pli proksima al la menciita dato. Iu jaro la festado okazas en Gijón kaj sekva jaro en Avilés. Ĉijare, estis la Grupo «Antaŭen», de Avilés, kiu demarŝis la organizadon de la festo. La programo (kiel kutime) konsistis el meso en Esperanto (en la kapelo "Jesuo de Galiana), kaj sekve simbola inaŭguro de iu placo dediĉota al Esperanto kaj kies aljuĝo estis mendita al la urba konsilantaro. Fine, kaj ankaŭ kiel kutime, la geesperantistoj de ambaŭ grupoj partoprenis en frata festeno en restoracio «La Estaca» de tiu urbo.



En la preparado de tiu programo intervenis entuziasme kiel ĉiam la Prezidanto kaj fondinto de la E-Grupo «Antaŭen», Nicolás Muñiz. Los festeroj disvolviĝis normale, sed malfeliĉe tiu samideano ne povis partopreni en ili. Ĝuste la antaŭtago de la festo li suferis infarkton. Laŭ ekspresa deziro lia kaj de lia familio, oni plenumis la planitan programon. Finiĝinte la meso, en kiu oni preĝis por la sano de Nicolás, iu delegacio de la geesperantistoj adresiĝis al la hospitalo, kie li troviĝis; tie oni informis al ili ke la stato de la malsanulo estis mortdanĝera. Ĝuste tiutage kaj kiam ankoraŭ ne estis finiĝanta la bankedo de la geesperantistoj forpasis tiu homo sur kies sindediĉo kaj idealismo baziĝis la ekzistado kaj funkciado de la avilesa E-grupo, kaj kiu dediĉiĝis ankaŭ al aliaj kulturaj iniciatoj de sia urbo. Ni rememoras kaj omaĝas lin; kaj esprimas nian kondolencon al lia familio, ĉefe al María Luisa, lia edzino kaj esperantista kunlaborantino.



Los esperantistas de todo el mundo celebran su fiesta en torno al 15 de diciembre, fecha de nacimiento del L.L.Zamenhof el creador del Esperanto. En Asturias, los dos grupos existentes actualmente se unen para celebrarlo en el domingo más próximo a la fecha mencionada. Un año la celebración tiene lugar en Gijón y al siguiente en Avilés. En el año 1999 fue el Grupo «Antaŭen», de Avilés, el encargado de organizar la celebración. El programa (como de costumbre) constaba de una misa en Esperanto (en la capilla de Jesús de Galiana), y a continuación la inauguración simbólica de una plaza dedicada al Esperanto y cuya denominación está solicitada al Ayuntamiento de esa ciudad. Finalmente, y también como de costumbre, los esperantistas de ambos grupos participaron en una comida de hermandad en el restaurante «La Estaca» de esa ciudad.

En la preparación de ese programa intervino con entusiasmo como siempre el Presidente y fundador del Grupo «Antaŭen», Nicolás Muñiz. Los actos se desarrollaron con toda normalidad, pero desafortunadamente ese compañero no pudo participar en ellos. Justamente la víspera de la celebración sufrió un infarto. Por expreso deseo suyo y de su familia se continuó con el programa establecido. Terminada la misa, en la que rezó por la salud de Nicolás, una delegación de los esperantistas se trasladó al hospital donde estaba internado, donde se les informó de que el estado del enfermo era crítico. Precisamente en este día y cuando aún no había finalizado el banquete de los esperantistas fallecía este hombre a cuya dedicación e idealismo se debe la existencia y funcionamiento del grupo avilesino de Esperanto, y que también se dedicaba a otras iniciativas culturales de su ciudad. Vaya para él nuestro recuerdo y nuestro homenaje; y nuestro más sentido pésame a su familia, en especial a María Luisa, su esposa y colaboradora esperantista.

# Kunsido de A.E.A.




# Reunión de A.E.A.

La 24a de novembro okazis en la sidejo de nia **Astura Esperanto Asocio eksterordinara kunsido de la asocianoj** kunvokita por pritrakti diversajn temojn kies urĝeco ne permesis atendi la ĉiujaran ordinaran kunsidon. Post la legado kaj aprobo de la akto de la antaŭa kunveno, la Prezidanto de la Asocio, Santiago Mulas Gallego, informis pri la aktivado de A.E.A. kiaj E-kursoj faritaj ĉi-jare en nia sidejo, kaj eksponis projektojn de pluaj kursoj por la sekva lernojaro, kiuj komenciĝos en januaro de la 2000a jaro kaj kiuj estos oportune anoncataj pere de presaro, radio kaj ceteraj laŭkutimaj metodoj.

Sekve li informis pri la ĝisnunaj demarŝoj, vanaj, kiujn la Asocio realigis cele de atingi subvencion de la urbodomo por la ellaborado de la revuo HELECO, y proponis novajn demarŝojn samcelajn, plenumendaj antaŭ aliaj instancoj. La asembleo pridebatis ĉi tiun temon kaj sugestis iajn ideojn, kiuj povos esti konsiderataj.

Oni informis pri la partopreno de nia Asocio en la Unua Festo de la Lingvoj en Gijon, okazinta de la 11a al la 13a de marto de la nun finiĝanta jaro, kaj oni taksis la utilon de tiutipa aktivado celante la disvastigadon de la Internacia Lingvo kaj de la rolo kiun povas ludi Esperanto por faciligi la interkomunikadon en la nuna multlingva mondo. Oni reliefigis ankaŭ la eĥon de tiu nia partopreno en esperantistaj revuoj kiaj: **Heroldo de Esperanto**; **Boletín de la Hispana Esperanto Federacio**; revuo **Esperanto** de **Universala Esperanto Asocio**, samkiel leteroj de H.E.F.;

El 24 de noviembre tuvo lugar en la sede de nuestra **Asociación Asturiana de Esperanto una reunión extraordinaria de socios** convocada para tratar diversos temas cuya urgencia no permitía dejar para la reunión ordinaria anual. Tras la lectura y aprobación del acta de la reunión anterior, el Presidente de la Asociación, Santiago Mulas Gallego, informó de las actividades de A.E.A. tales como los cursos impartidos este año en nuestra sede, y pasó a exponer los proyectos de cursos para el nuevo año lectivo, que comenzarán el próximo enero del 2000 y que se anunciarán con antelación por la prensa, radio y otros métodos habituales.

Seguidamente pasó a informar de las gestiones, hasta ahora fallidas, que la Asociación realizó a fin de obtener una subvención municipal para la elaboración de la revista "HELECO", y proponer nuevas gestiones a realizar en otros ámbitos para el mismo objetivo. La asamblea debatió este tema y aportó algunas ideas que se tratarán de poner en práctica.

Se informó de la participación de nuestra Asociación en la 1ª Fiesta de las Lenguas en Gijón, que tuvo lugar del 11 al 13 de marzo del año que finaliza, y se valoró la utilidad de este tipo de actividad en orden a la difusión de la Lengua Internacional y del papel que puede jugar el Esperanto para facilitar la comunicación en el mundo actual multi-lingüístico. Se resaltó también el eco que esa participación nuestra tuvo en revistas esperantistas tales como: **Heroldo de Esperanto**; **Boletín de la Federación Española de Esperanto**; revista **Esperanto** de la **Asociación Universal de Esperan-**

Centro de Promociado de Lingvoj, k.t.p. gratulante al nia Astura Esperanto Asocion pro sia partopreno kaj kunlaborado en la menciita prikultura evento.
Eble la ĉefa temo de la kunveno estis la pristudo kaj debato de la projekto de organizado de E-kurso for nia loĝurbo, konkrete en Oviedo, kie ankoraŭ ne ekzistas ia E-Grupo. La graveco de tiu projecto enestas precize en tio ke tiu iniciato povos esti ia formo ekestigi en tiu urbo iun esperantistan centron kun propra vivo kaj aktivado. Kiel limdato por la komenciĝo de tiu kurso estis fiksita la dua semajno de la proksima monato januaro de la 2000a jaro.
Menciindas ankaŭ la interveno de Julio Argüelles emfazante pri le neceso ke la geesperantistoj perfektigadu sian konon de la problemaro kaj aktivado de la Esperantista Movado ĉeestante, laŭ ilia ebleco, la naciaj kaj internaciaj kongresoj de Esperanto.

**to**, así como cartas de H.E.F.; Centro de Animación de Lenguas, etc, felicitando a la A.E.A. por su participación y colaboración en dicho evento cultural.
Quizá el tema principal de la reunión fue el examen y debate del proyecto de organización de un curso de Esperanto fuera de nuestra localidad, concretamente en Oviedo, donde no existe aún un Grupo esperantista. La importancia de este proyecto radica precisamente en que puede ser una forma de iniciar en esa ciudad un centro esperantista con vida y actividad propia. Como fecha de comienzo de ese curso se fijó la segunda semana del próximo mes de enero del 2000.
Es de destacar también la intervención de Julio Argüelles poniedo énfasis sobre la necesidad de que los esperantistas perfeccionen su conocimiento de la problemática y actividades del Movimiento Esperantista asistiendo, en la medida de sus posibilidades a los congresos nacionales e internacionales de Esperanto.



# Zamenhofa tago

*Mesaĝo legita ĉe la inaŭguro de la placeto ESPERANTO, en Avilés, la 19a de decembro 1999a fare de la asturaj geesperantistoj.*

Hodiaŭ ni festas, pluan jaron, la tago de la kreinto de Esperanto, internacia lingvo. Hodiaŭ, por ni, ne estas iu ajn tago, de iu ajn jaro...

Hodiaŭ estas la tago kiam oni rekonas, de nia urba Konsilantaro, la ĉiutagan laboron de tiuj kiuj, sen ia ajn materia intereso, klopodas ĉiurimede ke nia lingvo, la lingvo kiu fratigas ĉiujn popolojn en la mondo, estu pli kaj pli konata kaj uzata de pli kaj pli da personoj.



Nia regiono, dank' al la "revueto", kiun la Grupo **«Antaŭen»** prilaboras kaj eldonas, estas konata en la kvin mondpartoj, de la esperantistaj grupoj kiuj korespondas kun ni.

Estis ĉies deziro ke ĉi tie, en nia urbo, same ol en preskaŭ ĉiuj urboj, kie estas esperantista grupo, estu iu loko, tre simpla, ĉar ankaŭ ne Zamenhof amis la grandajn omaĝojn, kie ĉiam ĉeestu **«ESPERANTO»**, la espero pri interkomprenado de ĉiuj popoloj en la mondo, pere de komuna lingvo, kiu ne postulas la forlason de las diversaj denaskaj lingvoj, sed kiu liberigas kaj egaligas nin, ĉar ne ebligas la venkon de iu kulturo sur alia.

Ni dankas al ĉiuj ĉar vi akompanas nin pluan jaron, kaj ni esperas ke ĉi tiu "anguleto" kiun hodiaŭ ni, ¡finfine! havas, estu komenciĝo de la granda disvastiĝo kiun ĉiuj ni atendas.

## ¡Sanon kaj Feliĉon al ĉiuj!

# Día de Zamenhof

*Mensaje leído en la inaügurución del rincón ESPERANTO, en Avilés, el 19 de decembro de 1999 por los esperantistas asturianos.*

Hoy celebramos, un año más, el día del creador del Esperanto, idioma internacional.

Hoy, para nosotros, no es un día más, de un año más...

Hoy es el día en que se reconoce, por parte de nuestro Ayuntamiento, el trabajo diario de los que, sin ningún interés material, ponen todo su empeño en que nuestro idioma, el idioma que hermana a todos los pueblos del mundo, sea conocido y usado cada vez más, por más y más personas.

Nuestra tierra, gracias a la *revistina*, que el Grupo **«Antaŭen»** confecciona y edita, es conocida en los cinco continentes, por los grupos esperantistas que se cartean con nosotros.

Era un deseo de todos, que aquí, en nuestra ciudad, al igual que en casi todos los pueblos y villas, donde hay un grupo esperantista, hubiera un lugar, muy sencillo, pues Zamenhof tampoco era amigo de grandes reconocimientos, en el cual estuviera siempre presente **ESPERANTO**, la esperanza del entendimiento de todos los pueblos del mundo, por medio de una única lengua, que no implica el abandono de las distintas lenguas nativas, pero que nos hace más libres e iguales, pues no fomenta el triunfo de una cultura sobre otra.

Os damos las gracias por estar un año más con nosotros y esperamos que este *rinconín* que hoy, ¡por fin! tenemos, sea el inicio de la gran expansión que todos esperamos.

## ¡Salud y Felicidad para todos!